VIIIa jaro. No 131 ★ Duonmonata ★ 5 Oktobro 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. »)
Luksa eldono. . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
HECTOR HODLER

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd.
Korespondado (1 enskribo) . 20 Sd.
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# ESPERANTO KAJ LA PLEJ VASTAJ PROBLEMOJ

Nia mondo estas nun skuata, interalie, per tri precipaj fortoj, postulantaj la solvon de tri vastaj problemoj. Unu venas de la popolamasoj de la civilizita parto de tiu mondo : La laboristaj klasoj, pli kaj pli malkvietaj, pli kaj pli konsciaj pri sia komuna povo, starigas minacantan potencan unuiĝon, celantan preni en sian manon la estradon super la ekonomiaj riĉajoj, super la produktado, disdivido kaj konsumado de tiuj riĉajoj ; tio estas la *socia* problemo.

La dua venas de necivilizitaj partoj : La orientaj, la ne ankoraŭ kulturitaj popoloj, aŭ popoloj havantaj nur malnovan kulturon, pli kaj pli agitiĝas, pli kaj pli moderniĝas, kaj amasiĝas en ili minacanta baro kontraŭ la pretendoj, kontraŭ la interesoj kaj perforta invado de l'okcidentuloj ; tio estas la *orienta*, aŭ la *rasa* problemo.

La tria, venas de ambaŭ partoj, sed en la nuna tempo, precipe de Okcidento : Malgrandaj popoloj, etnografiaj grupoj, kiuj iam vivadis nedepende, aŭ kies nedependo nuna estas en danĝero, pro la ĉiama minaco de fortikaj najbaroj ; tio esta la *po-nacia* problemo.

Mi ne parolas nun pri la unua, la socia problemo ; tiu fortrenus nin *tro* vasten. Mi pritraktos iom la duan, nome la rasan problemon.

∴

La grandaj cirkonstancoj, kiuj aliformigis la vivon de la okcidentaj popoloj, atingis lastatempe pli kaj pli Orienton, komencinte aliformigi ankaŭ ĝian vivon. Tiuj cirkonstancoj estas : La maŝinoj, produktiloj da diversaj bezonajoj, kaj kaŭzoj de potenca industrio ; la komunikiloj (presilaro, fervojo, vaporŝipo, telegrafo), kiuj alproksimigas la spacojn, interrilatigas la homojn, kaj kreas vastan komercon ; kiuj — tio estas plej grava kaj malplej komprenata — disetendas klaran lumon sur la stato de proksimaj kaj malproksimaj aferoj, kaj donas al la homoj *scion* kaj *konscion*.

Ĝis antaŭ nelonge, tiu maŝinaro, kaj ĝia intelekta konsekvenco, la scio, utilis nur al la koloniigantaj aŭ konkerantaj popoloj. La danĝero de interbatalo da interesoj estis limigita nur je tiuj popoloj mem. Nun, la maŝinaro kaj la scio atingas la landojn kaj la cerbojn de la koloniigzataj aŭ konkerataj popoloj, kaj en la mondo kreskas nova danĝero apud la aliaj, baldaŭ superonta la aliajn.

Ĝis nun, antaŭ la supero nevenkebla de Okcidento, la orientaj popoloj turnis siajn verkiĝantajn fortojn al transformiĝoj internaj. Tiel ni vidis, unu post la alia, la japanan, turkan, ĥinan popolojn, rompantaj la malnovan multcentjaran ŝtaton, kaj aliformiĝantaj laŭokcidente. Tiu aliformiĝo ŝajnas supraje nur politika ; ĝi, pli profunde, aperas transformiĝo ekonomia : Sub la nova konstitucia sistemo, rapide naskiĝas kaj kreskas industriaj kaj komercaj iniciativoj. Maŝinoj kaj komunikiloj aperas ĉie. Spacoj kaj homoj estas interproksimigataj, aperas scio kaj konscio pri komunaj kredoj, komuna sentmaniero kaj gusto, pri komunaj cirkonstancoj kaj interesoj. Kian direkton prenos tiuj novaj fortoj? Ĉu ili sekvos la vojon de mema transformiĝo kaj progreso ;

aŭ ĉu kontraŭe, akirinte sufiĉajn rimedojn por armi sin kaj kontraŭstari milite Okcidenton, la orientaj popoloj rekonstruos ĉirkaŭ sin konserveman baron, por defendi siajn kredojn, morojn, kulturon aŭ rutinon, kaj turni siajn novajn fortojn kontraŭ la komuna malamiko, Okcidento?

Tiu lasta supozo estas fatale efektivigota, se la aferoj daŭrigos sian nunan evoluadon.

Efektive, laŭ la nuna iro de aferoj, grandega kvanto da kapitaloj kaj interesoj eŭropaj, trudas sian perfortan povon, ofte sub preteksto da civilizado, kaj tio estas parte vera. Estas vere, ke la kapitaloj aŭ interesoj eŭropaj, transportitaj en tiuj ne kulturitaj landoj, kreas tie ekonomiajn kaj parte intelektajn kondiĉojn da progreso kaj civilizacio. Sed tio fariĝas nevole, oni povus diri *kontraŭvole*. La rekta intereso de la eŭropa kapitalismo estas la ĉiama submetigo kaj ekspluatado da (1) tiuj popoloj. La rezultato de tiuj rektaj intesoj ne estas civilizigaj, kontraŭe, kaj ni ĉeestas lastatempe je du akcelataj okazadoj. Unuflanke la Eŭropaj interesoj sin trudas pli kaj pli kruele, vundige, mortige (Memoru pri Persujo, Turkujo, Maroko, k. t. p.), kaj semas terurajn kolerojn kaj malamojn inter la vunditaj popoloj. Aliflanke, en tiuj humiligataj rasoj kreskas fermento, kreskas kondiĉoj da unuiĝo; kaj kreskas ankaŭ konscio pri komuna multcentmiliona forto, kaj pri modernaj rimedoj por egaliĝi milite kun Okcidento (Observu Japanujon, kaj observu aliajn simptomojn de aliaj orientaj popoloj!). Pli aŭ malpli frue junaj orientaj popoloj minacante ekstaros kontraŭ la maljuna Okcidento. Danĝero pendas super ĉiuj.

Tiun danĝeron antaŭvidas multaj ŝtathomoj, sed ili estas senpovaj kontraŭ la logika elvolvo de la kapitalistaj fortoj kiuj nepre bezonas vastigi la cirklon de sia agado ĝis la ekstremoj de la mondo.

Tiun danĝeron antaŭvidas ankaŭ multaj kleraj kaj grandanimaj homoj en Okcidento kaj Oriento. Ili montris tion en la fama Raskongreso, kiu okazis lastan jaron en Londono, kun tiom da sukceso. Sed ankaŭ ili montriĝis senrimedaj kaj senpovaj, antaŭ la fatala evoluo.

Ĉu do nia civilizacio alpaŝas rapide, kvankam apenaŭ rimarkite al katastrofo? Aŭ ĉu, inter aliaj rimedoj, Esperanto, vastigante la horizonton de siaj multoblaj kaj plej ofte ne ankoraŭ supozataj aplikoj, donos al ni ian potencan eblon por la solvo de tiu problemo?

* *

Parolante pri Esperanto, kiel pri efika aganto en problemoj tiom gravaj, mi sentas ĝenon. Esperanto eniris la vivon kaj kreskis kiel *fakto*, meze de teoriaj neadoj kaj de ĝenerala nekonscio pri la neceso kaj graveco de tiu nova fakto. Esperanto aliparte estas vidata de esperantistoj mem nur sub tre mallarĝa aspekto, kaj ili levas siajn ŝultrojn, kiel signo de neado, kiam oni montras al ili la tutan amplekson de la konsekvencoj, kiujn, disvolviĝonte, Esperanto nepre naskos en ĉiuj medioj de nia moderna homaro.

Du pensoj, mallonge formulitaj donos al la legantoj la ŝlosilon de la ideoj, kiujn mi deziras submeti en ĉi tiu artikolo.

*a*) La lingvo Esperanto povas fariĝi plej potenca ilo da civilizacio, je la dispono de la orientaj kaj ĝenerale de ĉiuj popoloj malfruintaj ankoraŭ sur la vojo de la evoluo.

(1) Mi uzas *da* ĉiufoje kiam, en la ĝenerala uzo, la prep. de rilatas ne al aganto aŭ posedanto, sed al agato aŭ posedato, aŭ al rekta komplemento, kiam tiu rekta komplemento ne povas esti ligata al ia subjekto per la akuzativa *n*. Tiel mi diras: Sako da greno, plena da greno, plenigita da greno (*de* mi, *per* ŝovelilo), k. t. p., tiel mi diras ankaŭ *ekspluatado da tiuj popoloj*, ĉar ne « tiuj popoloj » ekspluatas, ne ili estas agantoj. La ampleksigo de tiu uzo da *da* (ne *da* uzas, ĝis estas uzata ebligas min diri klare mian penson. Ke la legantoj pardonu al mi tiun lingvan intermikson.

Efektive, la supereco de la civilizitaj popoloj ne estas la *organika* supereco de iliaj individuoj; ĝi estas precipe en la *medio*, en la ekstera situacio, en kiu troviĝis tiuj individuoj naskiĝinte. En tiu medio ekzistas tute preta presilaro kaj preso, maŝinaro kaj industrio, transportilaro kaj komerco, *lingvo* kaj *esprimoj* por ĉiuj rilatoj inter individuoj kaj ajoj.

Imagu ke, dum ĝia naskiĝo, oni transportu sovaĝidon en Parizon, kaj inverse, parizidon (1) en sovaĝan landon. La unua, trovante pretan medion da civilizacio, fariĝos civilizita homo; la dua, inverse. Dum unu aŭ du generacioj la du specimenoj konservos kelkajn individuajn emojn, hereditajn de siaj proksimaj gepatroj. Sed rapide tiuj emoj malaperos sub la influo de la novaj medioj. Multaj faktoj de la vivo asertas la verecon de tiu supozo.

Nu, el ĉiuj elementoj da civilizacio, la plej grava, laŭ mi, estas la kulturita lingvo, kiu fiksas la *scion* en konservigajn vortojn, en vortojn transporteblajn de generacio al generacio kaj de mentalo al mentalo... Supozu ankaŭ ke ia superakvigo malaperigus de Okcidento la maŝinojn, la presilojn kaj la artajojn. Se restus nur unu kulturita lingvo, la resto baldaŭ reaperus dank'al la *scio* kiun la lingvo konservas al la homoj. Kontraŭe, se per ia miraklo, nur la lingvoj kun iliaj sciencoj kaj literaturoj, malaperus de la memoro de la homoj, la resto baldaŭ detruiĝus siavice, kaj la homoj devus refari longegan vojon de pena reevoluo.

Nun se ni havus la eblon transporti ĉe nekulturitan popolon, unu el niaj lingvoj kun ĝiaj pretaj trezoroj da penso kaj esprimo, ni certe alportus en la medion de tiu popolo, la plej efikan cirkonstancon da civilizacio. Sed ĉu tia transporto estas ebla?

Ne, absolute ne.

Jam, ĉu pro puraj civilizigaj celoj, ĉu pro religiigaj, aŭ — plej parte — pro naciaj kaj komercaj interesoj, oni penis enkonduki okcidentan lingvon ĉe nekulturitajn popolojn. Nur tre malgrandega parto de tiuj popoloj povis ĝis nun akiri kelkan suprajan konon de tiu fremda lingvo. El tiu parto nur kelkaj esceptuloj kelkafoje akiris gradon da kono, sufiĉan por ke la lingvo estu vere edukiga kaj civiliziga. Tamen, eĉ en tiaj limigitaj proporcioj, tiu kono vekis en malproksimaj landoj fortojn da renoviĝo, ĝi estas unu el la plej grandaj kaŭzoj de la nuna stato de aferoj, en kiu la problemo *orienta*, kun sia *plena* signifo, fariĝas pli kaj pli supergrava.

Sed neniam ia el niaj naciaj lingvoj fariĝos vere la lingvo de nekulturita popolo. Niaj naciaj lingvoj estas tro malfacilaj, kaj iliaj altaj regionoj estas apenaŭ alireblaj por nacianoj mem... La naciaj lingvoj fariĝis per natura blinda evoluo. Ili ne fiksas *lingve* la klaran kaj simplan rezultaton de antaŭaj akiroj, sed ili fiksas samtempe la hezitojn, la erarojn, la ĥaoson, meze de kiuj fariĝis tiuj akiroj. La akiroj mem entenas parton de tiu ĥaoso...

Plie, niaj naciaj lingvoj, ĉiam estos por tiuj popoloj lingvoj fremdaj, lingvoj de la konkerantoj.

Esperanto kontraŭe prezentas al ili ecojn tute inversajn. Ĝi estas facila kaj donas *lingve* simplajn kaj klarajn rimedojn da kompreno kaj da esprimpovo. Esperanto por ili ne estos fremda. Ĝi estas la lingvo de la homaro. Dank'al ĝi ili, per giganta salto, eniras civilizaci-egale, *rajt-egale* en la homaran familion. Per ĝi ili tuj profitas de la komuna progreso, kaj tuj havos la eblon alporti sian parton al tiu progreso.

La evoluo de la mafruintaj popoloj sekvos la saman kurbon kiel la evoluo ĉe ili de la lingvo Esperanto.

*b*) Aliparte, nur en la altigo de la kulturo, nur en la ĝeneraligo de la civilizacio — eĉ kun ĝia malbona parto — kuŝas garantio kontraŭ tutmondaj katastrofoj, kontraŭ granda bato

(1) Subkomprenata *sovaĝulido* kaj *parizanido*.

GEOGRAFIO

## La Hindoj (1)

II

Aldone al la turbanoj estas la fezo de la fiakristo, la ĉokoladkolora kraniĉapo de la Kaŝmiroj, la plata fela rulaĵo kaj fluanta tolaĵaro de la Dervîŝoj, la ridiga larĝranda pajla ĉapelo de la Ĥinoj, la speco de ursĉapo de la montanoj, la polioĉapo de la babuo, kaj la montsimila rustajkolora natura hararo de la almozulo kaj pilgrimanto. Tamen, tiuj viraj ornamaĵoj de la kapo estas nur unu detalo de la kutimaj vestaĵoj de la popolo, kiuj estas tiel diversaj kaj multkoloraj, ke similas paradon starantan ĉe stratangulo, aŭ sido ĉe fenestrantan en la urbo.

La plimulto de la popolo iras nudpiede, kaj la vestaĵoj de la vasta homamaso memorigas pri nenio pli komplika ol banvesto, kun viŝtuko ĉirkaŭ la kapo. La vestaĵoj de la virinoj pendas ĝis sub la genuoj, lasas la brakojn nudaj, kaj montras parton de la flankoj. La koloroj de tiuj sari'oj estas ĉiam belaj kaj konvenaj, kaj neniam donas al la plej postulema gusto la plej malgrandan senton de vulgareco aŭ absurdeco. Multaj el la viroj portas okcidentajn vestojn, sed kelkaj el ili, kiel cedo al orienta kutimo, lasas la antaŭan parton de siaj tolaj ĉemizoj pendi ekstere, kiel sporano, el sub la veŝto. Parsi'oj portas larĝan vestotukon aŭ alpakan frakon kaj tolan pantalonon, sed pensas, ke kravato estas aŭ superfluaĵo aŭ nenecese kaŝas la origitan ĉemizbutonon. La vera indiĝeno, tamen, konservas siajn belajn robojn aŭ konvenan dhoti'on, kaj la stratoj de la urboj estas gajigataj kaj beligataj de tiuj belaj koloroj, kaj tiuj grandegaj faldoj. Nenio povas superi, laŭ digneco, la figuron de alta musulmano kun longa barbo kaj aglaj okuloj, vestita de la kapo ĝis la piedoj per brilaj blankaĵoj, staranta sur la ŝtuparo de mosk eo, jus veninte de sia meditado kun Allaho, kaj rigardante ludilecan kaj pupodomsimilan aspekton de enlandula bazaro. Kaj nenio, kiun mi iam vidis, superis laŭ beleco la figuron de hindua virino, vestita per orebrodita robo ĉielblua, marŝanta sur verda rizo-kampo, kun unu ĉokoladkolora brako levita por subteni bronzan ingon sur sia kapo, kaj la alia svingiĝanta brilanta en la sunlumo, ĉe ŝia flanko kun tiom da forteco kiom da digneco. Vere estas beleco kaj nobeleco inter tiu popolo, kiel ankaŭ burlesko kaj infaneco; sed ne je la unua rigardo oni perceptas la glorecon de iliaj vestoj. Estas pli facile por la scivolema Eŭropano ridi je la skarlata barbo de la maljuna, kuprokolora sinjoro, kiu senĉese manĝas nuksojn, dum li kaŭras sur la plenaera montrotablo de sia butiko aŭskultante la legadon en religia libro de okulvitroj-hava amiko kun fasketo de haroj elstarantaj, kiel vosto de rato, ol admiri la belecon de la tuta sceno.

Eble estas la miksaĵo de digneco kaj absurdeco, kiu lasas la finan impreson sur la spirito de la vojaĝanto, kaj konfuzas lin kiam li komencas enfakigi siajn ideojn. Ekzemple, estas bela, arbe-ŝirmata vojo en Bombay, kuŝanta inter la ĝardenoj kaj la maro, kie la riĉaj kaj laŭmodaj prenas la aeron de kvina ĝis oka horoj ĉiuvespere, kaj kie vi povas vidi pli da grandiozeco dum kvin minutoj ol iu ĉefurbo de Eŭropo povus montri al vi dum unu semajno. Tie vi povas vidi en la mezo de la aŭtomobiloj kaj grandaj ĉaroj, belan kaleŝon tiratan de paro de grandaj ĉevaloj, kun du lakeoj antaŭe kaj du sur la postflanko, kaj portantan en sia ĉambruna interno Parsi'an sinjorinon vestitan per la plej delikataj silkoj imageblaj, kiu klinumante sur la kusenoj restigas nudan biskvito-koloran piedon sur la supro de la pordo, kun ĉiu piedfingro brilanta en la sunlumo. Kaj mi opinias ke, se oni rigardas sufiĉe longtempe, estas ĉiam ridiga nudeco elstaranta ie el la pompo kaj gloro de la grandioza oriento.

Sed nekalkuleble pli granda ol la intereseco de la vestoj estas la intereseco de la orienta fizionomio. La vojaĝanto baldaŭ trovas la verecon de la diro de Sir Bamfylde Fuller en lia *Studies of India Life and Sentiment*, ke propra sperto estas necesa por pruvi la mirindan verajon ke « la popolo de unu distrikto » aŭ unu urbo estas kolekto de malsamaj « nacioj — preskaŭ malsamaj specoj — de la homaro ». Tiu sama aŭtoro deklaras, ke ne estas malvere diri, ke la loĝantoj de Hindujo estas apartigitaj en pli ol du mil specojn de homoj, kiuj laŭ la « fizikaj rilatoj de la vivo tiel malmulte similas » unu la alian, kiel la loĝantoj de zoologiaj « ĝardenoj ». Vi ne povas imagi, se vi neniam vizitis Hindujon kaj zorge observis la popolon, kiom tiu ĉi miriga kaj mirinda diverseco kontribuas al la gajeco kaj intereseco de la lando. La vojaĝanto jus veninta al tiu densa parado de homoj, ne estas trankvila kaj sperta observanto en la mezo

(1) Vidu Esperanto de 20 septembro.

---

inter orientaj kaj okcidentaj popoloj, au — pro orientaj interesoj — inter okcidentaj popoloj mem.

Dum la moderna ekonomia evoluo de Eŭropo produktas siajn fatalajn konsekvencojn; dum niaj industriaj kaj komercaj interesoj invadas ĉion kaj semas en orientaj landoj ĝermojn da kolero, malamo kaj venĝemo; dum la nobla kompato kaj la saĝa prudento estas senpovaj; dum raskongresoj, packongresoj k. t. p. perdas multvaloran energion en *metafizikajn* konsiderojn, kaj homamajn *dezirojn*, ni Esperantistoj povas alporti precizan, pozitivan kaj samtempe potencan rimedon da civilizacio al tiuj humiligitaj popoloj. Per tio ni fortigos ilin kaj ni metos ilin tuj antaŭ la vastaj problemoj de nia propra evoluo. Anstataŭ turni siajn vekiĝantajn fortojn al agoj da malamo kaj da batalo kontraŭ ni, ili turnas ilin al la profito de sia propra progreso.

Jes, ni povas tion, ni Esperantistoj. Sed kondiĉe unue, ke ni komprenu la tutan amplekson de la vastaj aplikoj de Esperanto, kaj la supergravan rolon de Esperanto en kelkaj ĉefaj problemoj de nia epoko. Due, ke ni maltimu entrepreni vere gigantajn agadojn por la plenumo de tiu rolo de Esperanto.

Du entreprenoj estas necesegaj : Unue, *misia*. Ĝis nun sole misioj religiaj aŭ komercaj trakuris la mondon. Kial ne krei esperantajn misiojn, kiuj iros malproksimen instrui entuziasme nian lingvon kaj kiuj cetere trovos apogpunktojn ĉe la aliaj misioj !...

Due, *verkara* : la kreado de *Universala esperanta biblioteko*, en kiu la tuta akiro de la ĝisnuna ĉiupopola civilizacio estos reproduktota, aŭ pli bone la esenca parto de tiu civilizacio.

Sed tiuj entreprenoj — oni diros al mi — postulas multajn milionojn ! Jes, mi respondos, kaj ni havos tiujn milionojn, post kiam ni havos precizan kaj altan celon por utiligi ilin. Se ĝis nun ia Carnegie ne alportis al ni financan helpon, tio estas parte ĉar ĝis nun la Esperantistoj ne proponis pozitivajn entreprenojn da ĝenerala intereso.

Jes, ni trovos ian Carnegie por realigi plej gigantan projekton sed samtempe plej efikan por la ĝenerala civilizacio. Se ni lin ne trovos ; se kiel kutime ĉiuj Carnegie ne komprenos la novajn faktojn de sia propra epoko, ni trovos ĉe ni mem, kaj ĉe la popoloj al kiuj ni deziras alporti lumon kaj esperon, ĉiujn elementojn da entuziasmo kaj da sindono kiuj anstataŭas, parte almenaŭ, la povon de la mono.

Kion pensas pri tio la Esperantistoj ?

Alfred HERMANT.

de popolo unuigita en unu nacion, sed estas vaganta kaj konfuzita homo puŝata kaj ŝovata de pli ol du mil specoj de homoj, ĉiu apartigita de la aliaj per netransireblaj profundejoj de penso kaj sento. Lia afableco al unu estas preskaŭ insulto al cent aliaj; lia kono de la lingvo de unu estas nur sensencaĵo al la aliaj. La Musulmanoj estas apartigitaj en sektojn, kiuj malamas unu alian; la Hindoj estas disigitaj en multajn naciojn kaj centojn de kastoj; estas skismo inter la Budistoj; kaj la nordaj montoj estas loĝataj de duonsovaĝaj kaj tute sovaĝaj popoloj tiel apartaj kaj distingeblaj unu de la aliaj, kiel ili estas apartaj kaj distingeblaj de la popoloj de la malaltaĵoj. Kun areo nur iom pli granda ol duono de Aŭstralasio, Hindujo kaj Cejlono subtenas sub la steloj unu kvinonon de la tuta homaro, kaj tiu kvinono, pakita en tiel malvastaj limoj, disigita en pli ol du mil specoj de homoj, eldiras siajn pensojn en dudek ĉefaj lingvoj kaj pli ol kvin cent malsamaj dialektoj, kaj estas nekalkuleble pli disigita kaj apartigita ol la popoloj de Eŭropo, kune laŭ tradiciaj kaj laŭ la kutimoj de la ĉiutaga vivo.

Tiu ĉi mirinda diverseco sin montras sur la vizaĝoj de la popoloj. Por Eŭropano unu Japano similas alian Japanon, tiom kiom unu ŝafo similas alian ŝafon; sed por la Eŭropano eĉ dum la unuaj horoj post lia alveno sur la tero de Hindujo, la loĝantoj estas apartigitaj de malsameco tiel kompleta kiel tiu, kiu apartigas ĉevalojn de hundoj, aŭ turdojn de fringeloj.'

*(daŭrigota)*

Harold Begbie.

Tradukis A. P. (Calcutta), laŭ afabla permeso de la eldonistoj, S-roj Hodder kaj Stoughton, Londono.

IDEOJ & FAKTOJ

## Internacia kontrolado de l'Oceano

*Instruoj de la Titanic-Katastrofo*

La 22-an de aprilo, sep tagoj post la *Titanik* katastrofo, aperis en la « Manchester Guardian » kaj aliaj anglaj gazetoj sub la titolo « International Patrol Boats », verkita de mi letero, kiu iom pli malfrue estis presata en germana traduko ekstrakte ankaŭ en la informa parto de la *Tag*. Ĉirkaŭe unu monaton poste la amerika ŝipestraro forsendis klarigan krozŝipon, la *Birmingham*, en la atlantan glacian regionon, por averti ŝipojn kontraŭ danĝeroj. Al la propono en mia letero la dankinda amerika procedo nur parte respondis; kiel definitiva, daŭra solvo de tiu serioza problemo la unuflanka klopodo de nur unu nacio povas apenaŭ esti konsiderata. Nek al ĝiaj klarigantaj, nek al ĝiaj kontrolantaj funkcioj *(Scouting or policing)* la ceteraj nacioj ĉiam alportus la necesan konfidon, kiom rilatas ĉe tiuj ĉi al egalaj aŭ eĉ pli grandaj interesoj. La temo estas pri nova problemo de la internacia interkomunikiĝo.

Mia propono celis, ke la grandaj nacioj nun donu la manon unu al la alia por protektado de la oceankomerco en pactempoj, ke almenaŭ Eŭropo kaj Ameriko atingu interkonsenton kaj klopodu krei novan tipon de ŝipoj, kiuj havus la taskon, patroli sur la maro, kaj ne nur en la latitudoj, kie oni kutimas renkonti certajn periodajn danĝerojn (kiel glacio), sed ankaŭ en anglaj marpartoj, kie la danĝeroj estas neregulaj kaj diversnaturaj. Tiuj ĉi patrolboatoj devus kompreneble havi internacian karakteron, tiel ke ili estus prezentataj al nenia malbonuzo en militaj tempoj. Ĉiuj ŝipoj, kiuj ricevas telegrafajn avizojn de tiuj ĉi oficialaj boatoj, estu devigataj per internacia instrukcio, obei donitajn avertojn, kaj la patrolboatoj mem havu la devon, zorgi pri taglibro, en kiun ĉiuj forsendintaj kaj ricevitaj avizoj estas enskribataj. Sed tio ne esceptus, ke aliaj, precipe la grandaj privataj vaporŝipoj, devu ankaŭ siaflanke doni avertojn.

Tiu ĉi propono estos, kiel mi havas kaŭzon supozi, diskutata en la proksimiĝanta internacia konferenco en Londono, kaj konsiderante tion mi nun dezirus fari kelkajn pliajn rimarkojn, kiuj tuj post la katastrofo ne estis tute taŭgaj.

Krom tio, ke la ŝipoj de tiu ĉi nova tipo funkcios kiel moveblaj avertaj stacioj, ili alportos kun si ankoraŭ jenajn profitojn: 1. Ilia enkonduko estus trankviligo de la sur maro veturanta publiko; la publiko havus prave la senton de pli granda ŝirmateco. 2. Precipe ankaŭ tial ĉar tiuj ĉi ŝipoj povas observi la vagantajn ŝipruinojn, averti kontraŭ ili kaj eventuale ilin eksplode detrui. 3. Ili funkcius en iaj akcidentoj mem kiel savoŝipoj. 4. Ili lasus sin tiel aranĝi, ke ili ankaŭ uzebliĝus por sciencaj celoj: meteorologiaj observdoj, marfluoj, konstatado de ŝanĝiĝoj en la formacioj de l'marfundo per tertremoj kaj aliaj (de post la *Titanic* akcidento disbatiĝis ŝipo apud ŝtonego verŝajne levita de tertremoj kaj ĝis tiam nekonita) vivmaniero de la fiŝoj, ktp. Al ĉiuj tiaj observoj estus certigata kontinua progreso kaj kun tio pliiĝo de ilia scienca kaj praktika valoro. 5. Tiu ĉi (internacia) organizo estus ankaŭ plua paŝo sur la vojo al internacia interkonsento kaj kunlaborado.

Sed estas bezona ankoraŭ alia konsidero, kiu superas ĉiujn ceterajn kaj malfermas gravajn ŝancojn de l'estonteco. La marpatroloj povus nome esti rigardataj kiel la ekvivalento de internacia oceanpolico por protektado de ĉiuj nacioj: ilia organizo formus tiuokaze pluan koncesion, praktikan, tute konkretan, kun la celo, ke la oceanoj principe estu internaciigataj; per aliaj vortoj, ke ili fariĝu neŭtrala teritorio; kio signifas, ke se du (aŭ pli) potencoj volas uzi la maron kiel batalejon, ili devas agi kiel sur tero, tio estas, sin deteni de tiu ĉi neŭtrala teritorio, la maro, kaj devas batali interne de siaj propraj (aŭ malamikaj), hejmaj aŭ koloniaj akvaroj. Kun la inaŭguro de internaciaj patroloj la maro eĉ, laŭ interkonsento de la nacioj, estus nur la internacia akvovojo, kaj nenio alia, kiun ĉiuj popoloj ĉiutempe povus veturi kaj uzi por siaj amikaj aŭ neamikaj vizitoj: sed kiun eluzi por militaj celoj estus malpermesate; precize kiel naciaj publikaj lokoj — la stratoj, la socia lando, la ŝoseo — estas laŭ leĝo neŭtralaj por la privata regnano.

Ni havas regnan, urban kaj riveran policon, kiu celas tiel nin ŝirmi, kiel ankaŭ servi al ni kiel ekstera videbla signo de la leĝo. Kial ne oceanpolico kun simila celo, kiu servus al ni kiel simbolo de la leĝo, tiuokaze de leĝo, kiu neebligos tiajn malordojn kaj malkonsentojn, kiuj, kiel la angla esplorado de la « Titanic » katastrofo evidente pruvis, nuntempe ankoraŭ regas sur la oceano. Tiu indulgemo estas bonparte restaĵo de pasintaj tempoj, kaj hodiaŭ vanta tradicio de la kutimoj de l'antikvaj marveturantoj, de tiuj antikvaj « sea-dogs » kaj de aliaj aventuristoj, kiuj simile kiel iliaj maloftaj posteuloj nuntempaj metis en danĝeron korpon kaj vivon de si kaj aliaj, pro de ekscesa riskemo por materiaj, egoistaj kaj tamen, kiel oni devas konfesi, tiam ofte gloraj « records ». Kvankam ĉiu kompetentulo estos preta, lasi sur la maro al la ŝipestroj kiel eble plej vastan liberecon, kelkaj el niaj maristoj tamen eble ankoraŭ ne lernis, ke vera libereco ekzistas nur interne de la leĝo. La marpolico estus efika konilo de tiu ĉi leĝo.

Ni faris jam multajn progresojn en la reguligo de naciaj kaj internaciaj aferoj, kaj tio valoras precipe por la metodo, moderigi niajn antipatiojn kaj interpacigi niajn konfliktojn sur maro kaj sur tero. Ni ne plu havas, kiel en la mallumaj tempoj de l'mezepoko, militajn malpacojn inter nobelaro kaj nobelaro, aŭ inter urbo kaj urbo; la « spacious days » de la Elizabetanaj rabadoj pasis, kaj Napoleonaj militiroj tra multaj landoj preterpasis almenaŭ en Eŭropo espereble por ĉiam. Civilizitaj popoloj ne decidas sian batalon sur neŭtrala tero. Ĉu nun la tempo ne venis, kiam ni rajtas elvoki Eŭropon kaj Amerikon, fari kun konscia iniciato pluan paŝon antaŭen kaj decidi per la formado de tiu ĉi internacia

oceanpolico por la tuta mondo, ke la estreco sur la plena maro de nun devas esti internacia?

Multaj nomos provon, limigi marmilitojn ĝenerale al la hejmaj aŭ la koloniaj akvaroj, akademia, fantazia, eble utopia; sed se ĝi racie kaj iel estas efektivebla, ĝi estos iam efektivigata, nome de la momento, kiom oni ĝenerale komprenos, ke ĝi posedas pli grandan etikan valoron, ol la nuntempa principo, kiu nin kutimigis, rigardi la malfermitan maron kiel malfermitan batalejon.

Se la popoloj levos la internaciigon de la maro al unu el la pensoj de la nova jarcento kaj celados kun sincera volo al ĝia efektivigo, tiam la pereo de la *Titanic*, kaj similaj markatastrofoj de la estinteco, estos, home parolate, abunde elpagitaj.

Fred Harsley,

*Leĝisto ĉe la Berlina universitato,*

*Tradukis el Düsseldorfer General-Anzeiger*

*N. Barthelmess (Düsseldorf).*

## La reformo de la angla ortografio

Nuntempe en Anglujo okazas forta propagando pri reformoj en la ortografio de la nacia lingvo. La celo estas forigi multajn el la malŝatindaj ortografiaj kuriozaĵoj, kiuj malhelpas la korektan skribadon al la naciuloj, eĉ la instruitoj, kaj grave malfaciligas la lernadon al la fremduloj.

Societo, nomita la « Simplified Spelling Society » (Simpligita ortografia societo), fondiĝis antaŭ kvar jaroj kaj ricevis la subtenadon de multaj tre famaj filologoj. Verdire la listo de la oficialuloj kaj komitatanoj estas tiel frapanta ke se la afero ne sukcesis oni devus konkludi, ke la aŭtoritatuloj havas malpli da potenco ol oni kutime aljuĝas al ili.

La Societo ne penas enkonduki veran fonetikan sistemon, sed estas kontenta doni pli-malpli precizan signifon al ĉiu vokalo aŭ kombinaĵo de vokaloj, samtempe lasante al la parolanto laŭvolan nuancon de elparolado. Ekzemple « *ai* » havas aŭ la sonon de la Esperanta *e* kiam larĝe elparolita aŭ de *ej*, sed ĉiam la unu aŭ alian.

Laŭ la nuntempa ortografio tiu ĉi sono apartenas al diversaj vokaloj laŭ la vortoj. Mi povas citi la jenajn anglajn vortojn : *male, nail, vein, day, they*, kaj *eight* el kiuj ĉiuj havas nur unu kaj la saman vokalan sonon. Laŭ la nova ortografio tiuj vortoj fariĝas *mail, nail* (neŝanĝita), *vain, dai, thai*, kaj *ait*.

Simile aliaj sonoj fariĝas regulaj, sed ne sekvas filologian nomaron ĉar la protagonistoj opinias, ke ia tute logika sistemo nepre difektus la nacian karakteron de la lingvo.

La proponitaj ŝanĝoj estas interesaj al la Esperantistoj ĉar sendube ili iom alproksimiĝas al la Esperanta ortografio kaj certe plifaciligas la lernadon de la angla lingvo al alinaciuloj. Multe da vortoj montras tiun punkton : « interview » fariĝas *intervyu* kiu similas la Esperantan « intervjuo » ĉar la angla *y* havas ĉiam la sonon de nia *j*. Kontraŭe en la nova sistemo la angla *j* havas la sonon de nia ĝ, tial laŭ la simpligita ortografio « general » (generalo), fariĝas *jeneral*, « giraffe » (ĝirafo) *jiraaf*, « germ » (ĝermo) jurm, « gin » (ĝino) jin, ktp.

Kompreneble *sh* kaj *ch* estas uzitaj por montri la ŝ kaj ĉ sonojn. Por la *k* sono la societo uzas c, sed tiu ĉi ne estas tute decidita kaj eble *k* estos fine uzita.

La angla *q* estas forigita el la alfabeto kaj la son « qu » (senescepte en la angla lingvo *u* sekvas *q*) estas montrita per *cw*.

Kiam *s* havas la sonon de *z* ĝi estas anstataŭigita de tiu litero tiel « rose » (rozo) fariĝas *roez* kaj « position » (pozicio) *poezishon*.

Ĉar « ph » estas ĉiam elparolita kiel f en la angla lingvo tiu ĉi litero estas uzita ekzemple « phantom » (fantomo) fariĝas *fantom*, « pharmacist » (farmacisto), *farmasist* « phenix » (fenikso), *feenicz*, « physics », (fiziko) *fizics*, phonograph (fonografo), *fonograf*, ktp.

Unu vidpunkto de la societo estas, ke la ŝanĝoj pligrandigos la utilecon de angla kiel internacia lingvo, sed la reformistoj jam rekonas, ke Esperanto faras grandan progreson ĉar en unu el la plej nove eldonitaj broŝuroj, kiu estas traduko de Sveda broŝuro, titolita « Nyu wurld speech » (Nova mondo-parolado), la aŭtoro diras « Esperanto precipe « estas sufiĉe larĝe akceptita kaj jam enkondukiĝis parte en « praktikajn uzojn. Ĝiaj subtenantoj propagandas ĝin forte « per kongresoj, paroladoj kaj eldonaĵoj. Esperanto superas « ĉiujn vivantajn lingvojn pro sia pli facila lernebleco ».

Mi ne timas, ke la nova ortografio malhelpos Esperanton ĉar la angla lingvo malgraŭ ĝi konservos sian propran malfacilecon ekster la ortografio, sed ŝajnas al mi, ke la nova sistemo alkutimigos la anglojn al pli fonetika metodo kaj tiamaniere faros la Esperantan alfabeton pli familiara al ili. Do, eble la ŝanĝoj instigos miajn samlandanojn lerni la multe pli perfektan fonetikan lingvon.

J.-M. Sexton,

*(Kingston-on-Thames).*

## La internacia orvendejo kaj la socia problemo (1)

II

La natura demando estas : kial la bankistoj de la mondo rifuzas la profiton, kiun ili povus gajni per disvastigo de la sistemo de longedaŭra kredito? Iu nekonita verko pri banko donos la respondon. Tiu prudento kiu devigas la bankistojn limigi siajn longedaŭrajn pruntaĵojn al posedantoj de speciale valoraj garantiaĵoj devenas de ilia timo ke neatendita forfluo de la oro igos ĉiujn aliajn garantiaĵojn nevendeblaj, kaj tiam financa krizo povus bankrotigi la bankojn mem. Estas la bankistoj kiuj provizas la krediton, kaj ili kompreneble agas singardeme. Sed, se ni esploras la kialon de ĉi tiu ofta forfluo de la oro, aperas kiel fundamenta kaŭzo en ĉiu civilizita lando serio de leĝaj dekretoj kiuj malhelpas la liberecon de interŝanĝo. Kiam la suferantoj de ĉi tiuj dekretoj — la komercaj klasoj — ekzamenos kaj komprenos la veran efikon de tiu leĝmalhelpo, forta protesto certe leviĝos.

Ĉiu civilizita lando sekvis la ekzemplon de la angla registaro de 1844 kaj severe limigis la kvanton da bankbiletoj, kiujn ili permesas eldoni. La privatan eldonon de ĉekoj per bankoj oni kutime lasis libera; nur bankbiletoj estas limigitaj. Oni dekretis tiujn leĝajn malhelpaĵojn pro motivoj kiujn la plej multaj el niaj modernaj ekonomiistoj kontraŭstaras; sed tiuj dekretoj tamen restas kaj funkcias ĉar oni diras, ke ili ne grave malhelpas la komercon. La apologiantoj de ĉi tiu leĝfarado konstatas, ke la ĉeka sistemo senutiligas la uzon de bankbiletoj en moderna komerco. Ĉi tiu ideo estas grava eraro. La pago de salajroj kaj la detala negoco povas funkcii nur per moneroj aŭ bankbiletoj : neniu akceptas ĉekon pro detala negoco, se li ne konas la personon kiu ĝin prezentas. Do la universala malpermeso kontraŭ iu pligrandiĝo de la eldono de bankbiletoj devigas la ĉiam kreskantan pagon de salajroj, detala negoco, ktp., per oro, kaj la tutmonda peto por la metalo tiamaniere multe pligrandiĝas. Industria progreso nuntempe en iu lando necesigas la pligrandiĝon de ĝia metalmono por salajro kaj detala negoco, kaj sub la nuna sistemo de fiksita bileteldono, tia pligrandiĝo kaŭzas de ĉiu banko tra la mondo subitan peton por la oro. La bankistoj, sciante ke ili devas kontentiĝi ĉi tiujn petojn ĉiam tenas pli grandan rezervon da oro ol estus necese sub bona sistemo, kaj samtempe limigas sian eldonon de kredito en la maniero supre citita. Ĉi tiu universala malpermeso de la uzo de

(1) Vidu *Esperanto* de 20 septembro 1912.

taŭgaj anstataŭaĵoj por la oro devigas la komercon de la mondo fariĝi freneza batalo por la oro, kaj estas la industriaj klasoj, kiuj pagas la grandan koston de ĉi tiu konstanta batalo. Iu lando, kiu havas periodon de vigla komerca progreso starigas fortan peton por oro, t. e., altigas la prezon de la metalo per la pligrandiĝo de la prezo de krediteldonaĵoj de siaj bankoj. Sekvas ne nur la halto de la progreso de tiu lando, sed la limiĝo, kaj ofte la detruo, de la komerco de aliaj nacioj per la fortiro de la oro, kiu estas la bazo de iliaj kreditsistemoj. Sub tiaj kondiĉoj la bankistoj de tiuj aliaj nacioj povas gardi sian oron nur per precipe simila metodo, kaj la negocistoj tie devas proponi produktaĵojn ktp. je tre malalta prezo por ricevi la oron por saldi siajn obligaciojn. Ĉi tiu oportuno por malkara aĉeto tentas la financistojn reellasi la oron, kaj la tragedia ludo denove komencas.

Ni memoru, ke ĉi tiu neantaŭvidita manko de oro devigas la bankistojn favori la tre malplimulton el la produktantoj je la kosto de la pli granda nombro.

Oni certe povas konsenti, ke la danĝero de milito estas ankoraŭ ofte responda por la subita forfluo de la oro; sed estas egale certe, ke ĉi tio estas tute negrava kompare al la leĝe-pligravigita demando por la oro en la interŝanĝo.

Niaj ekonomiistoj devas ĉesigi la anoncon de la malsukceso de Libera Interŝanĝo dum ĉi tiu leĝa malhelpo je la disvolviĝo de la kreditsistemo pruveble donas la monopolon de la iloj de produkto en la manojn de malmultaj, kaj tiamaniere kaŭzas malgrandiĝon de salajroj kaj senokupecon de laboristoj.

Henry Meulen,
Trad. Geo J. Cox, (London)

LABORO

## La Kunularo (1)

La Kunularo estas 'nun preskaŭ nekonata de la publiko, kaj eĉ ĝia nomo preskaŭ malaperis el la popola memoro. Ekster tri aŭ kvar metiaj korporacioj, en kiuj ĝi povis vivi ĝis nun kaj parte konservi sian antikvan potencon, la kunularo estas preskaŭ mortinta aŭ mortanta. Sekiĝas la fontoj de ĝia varbado, ĝiaj tiel senŝanĝe konservitaj kutimoj, ĝiaj reguloj — vera leĝaro de l'iama laborista vivo — ĝiaj tiel respektitaj ceremonioj. Ĉio malaperas en la nokto de l'estinteco. Tamen, dum pli ol kvin jarcentoj, preskaŭ ĝis la nuna tempo, ĝi estis unu el la plej potencaj institucioj en Francujo. Sed post la XV-a jarcento, la metiaj korporacioj fariĝis ilo en la manoj de l'egoista kaj ĵaluza oligarkio de komercistoj, anstataŭ resti, kiel en la tempo de Sankta Ludoviko, frataj asocioj.

La Kunularo instruis la junan laboriston pri la praktiko de lia arta laboro; ankaŭ ĝi direktis liajn paŝojn dum la « Rondiro de Francujo », la fame konata « Tour de France », kiun li devis plenumi por akiri sian metian kapablecon; ĝi certigis al li, en ĉiu loko, panon, loĝejon kaj laboron; ĝi lin protektis kontraŭ la ekspluatemaj mastroj — se bezone per minaco de striko — kaj kontraŭ la danĝeroj de la vojo, donante al li por ĉiam kunulon de sama « Devo », protektanton kaj amikon, kiu lin helpis en malsano kaj sekvis ĝis la lasta ripozloko. Ĉiuspecaj helpadoj nun plenumataj de diversaj societoj : sindikatoj, mutualaj anaroj, kooperativoj, lernejoj, dungoficejoj, estis je la dispono de la kunulo dank'al la Kunularo, sekreta societo, kies influo, malgraŭ la malpermesoj kaj policaj persekutoj, regis super la tuta laboristaro. Laŭ legendo, ĝi devenis el la konstruo de la Templo de l'reĝo Salomono kaj konsistis el tri « Devoj » aŭ ritoj : la Devo de Salomono, la Devo de Soubise, la devo de Mastro Jacques.

Ne klara estas ĝia historio. La trovitaj plej malnovaj oficialaj tekstoj datumas de la XVI-a jarcento, sed certe multe pli antikva ĝi estas; ĝi naskiĝis en la tempo de la metiaj asocioj formitaj de la preĝejaj konstruistoj dum la XI-a jarcento, kiam la popolamasoj tiel pasie sin ĵetis en la novajn gotikajn preĝejojn. Poste venis la Renesanco, kaj la komunumoj sin liberigis de la teruraj malfeliĉoj de la Karlovinga epoko. La unuaj dokumentoj pri la Kunularo estas dekretoj, juĝoj, persekutoj : juĝo de *Le Châtelet* (marto 1506); dekreto de *Villers-Cautterets* (1539); striko de preslaboristoj en *Parizo* kaj *Lyono* (1539-1541); dekretoj : *Orleans* (1560), *Moulins* (1566), *Blois* (1579); malpermeso kontraŭ la ŝuista kunularo; de la Sorbonne (*Parizo*) ĝenerala kondamno kontraŭ la Kunularo (1655). Sed malgraŭ ĉiuj persekutoj ĝi pluekzistis; ĝiaj ceremonioj estis tute kaŝataj, ĝiaj sekretoj zorge gardataj; oni multfoje malliberigis kunulojn, sed neniu inter ili iam perfidis malgraŭ ĉio provita; kaj facile estas prezenti al si, kiajn rimedojn oni uzis en tiu tempo, kiam la « Question » (perturmentan esploron) kaj la torturilojn disponis la juĝistoj.

Sed ne iaj ajn homoj sukcesis en la malfacilaj provoj de la Kunulara inicado (akcepto por kunuliĝo). En ĉiuj sekretaj societoj ekzistas por novaj anoj provoj kun duobla celo; la ĉefa estas, ekkoni la karakteron de l'aliĝonto; ĉu li estas inteligenta, sindonema, abnegacia, la societo rajtas lin demandi antaŭ la akcepto. Per tiuj ceremonioj oni impresas la spiriton de l'estonta ano, donas al li altan ideon pri la societo kaj inspiras al li grandan timon je la punoj ricevablaj se li ne agos laŭ la kontrakto lin kunliganta al la tuta anaro. La adeptoj apartenis al la popolaj klasoj, kiuj tre ŝatas la valoron de la simboloj. Unue oni lasis sola la aliĝonton en speciala ĉambro, sur kies muroj estis skribite : « Se scivolo vin alkondukis, foriru — Pensu pri la devoj de honesta homo al si mem, al siaj kunuloj, al sia patrujo — Kion vi pensas pri la Kunularo ? »

Poste oni kovris liajn okulojn, prenis liajn ĉapelon, kravaton, veston, poŝhorloĝon, monon kaj aliajn metalaĵojn. Oni lin demandis : « kia estas via ideo aliĝante al ni ? Kiu donis al vi tiun ideon? Ĉu vi scias, kian devon vi akceptas inter ni ? Estu nekaŝema en viaj respondoj; ni legas en via koro ». Oni enmetis lian manon en akvon : simbolo de Pureco, alproksimigis al lia vizaĝo brulantan torĉon : simbolo de repurigo. Se konvenis liaj respondoj, la prezidanto demandis la ĉeestantojn, kion ili deziras por la nova ano? « La lumo »; je tiu vorto, oni malkovris liajn okulojn. Li ricevis sian novan nomon, ekzemple : « Nivernano la Fideleco », « Agenano Bonkoro ». La ceremonio ofte finiĝis en gastejo, kie oni festis kun glaso en mano la novan kunulon.

*La Rondiro ĉirkaŭ Francujo.* — Oni ne povas malkunigi la kunularon de la fama « rondiro de Francujo ». Dum jarcentoj, la ĉefa celo de tiu asocio estis, protekti la laboriston dum la jaroj de lia vojaĝo por metiista perfektigo. Li devis iri de urbo al urbo por lerni la laborajn metodojn, tute malsamajn laŭ la provincoj. Oni ne povis sin nomi perfekta laboristo sen tiu pilgrimado. Kiujn urbojn li vizitis ? Li deiris komprenable de sia urbo. El Parizo, ekzemple, li iris al Melun, Sens, Joigny, Auxerre, Autun, Dijon, Châlon-sur-Saône, Mâcon, Lyon, Vienne, Valence, Montélimar, Orange, Avignon, Aix, Marseille, Arles, Nimes, Alais, Uzès, Montpellier, Béziers, Narbonne, Montauban, Toulouse, Bordeaux, Rochefort, La Rochelle, Nantes, Ancenis, Angers, Saumur, Tours, Blois, Orleans, Paris.

Alvenante en urbo, li iris unue ĉe la *Patrino* (gastejo) por esti akceptata de la ĉefa kunulo kaj de la *Rouleur* (kvazaŭ konsulo por laboro). Poste li povis ripozi, aŭ manĝi, se li preferas, antaŭ la komuna manĝado. La saman aŭ morgaŭan tagon, la *Rouleur* sin okupis trovi laboron; se li ne sukcesas, la alveninto atendas kelkajn tagojn; dum tiu tempo, li senpage manĝas kaj loĝas ĉe la *Patrino*. Kiam li laboras, li skribas mem sian elspezon sur ardezon fiksitan je la muro de la manĝoĉambro. Tiu konfidemo vin eble surprizos, ĉar

(1) France « Le Compagnonnage », antikva laboristogildo.

tiu migranto havas malgrandan garantion; lian solan havajon entenas tuko pendanta de lia vojaĝbastono. Kelkfoje li povus poste « forgesi » sian elspezon kaj foriri al alia urbo? Malfacile, ĉar li estus baldaŭ montrata per la fingro kiel « brûleur » (ne paganto) en ĉiuj lokoj, kien li irus; li ne povus trovi pacon nek laboron, li estus persekutata ĝis la pago de la ŝuldo. Ankaŭ *ĉiujn* siajn elspezojn li devas skribi sur la ardezon, ĉar se li forgesus iun, eĉ malgrandan, la aliaj kunuloj lin insultas kaj minacas. Pro rekulpo, li estis forstrekata el la Societo : malhonestajn anojn ĝi ne konservis.

*(daŭrigota)* E. Souchay.
(Laborkonsulo, Parizo)

MONDLITERATURO

## Jaroslav Vrchlicky

La 9-an de septembro mortis kaj la 14-an de sama monato estis enterigita en la Glorulejo en la sankta tombejo de antikva, reĝa Vyšehrad la plej eminenta bohema poeto Jaroslav Vrchlicky. Lia signifo por la bohema lingvo kaj poezio estas nune ankoraŭ nemezurebla, ĉar lia verko estas ne nur en bohema literaturo, sed eble eĉ en tutmonda historio preskaŭ senekzempla.

Simile kiel en sepdekaj jaroj, kiam aperis lia unua poezia verko « El profundaĵoj » (Zhlubin), tute same ankaŭ hodiaŭ post kvardek jaroj, post vivo dediĉita al senkompara literatura laboro, staras lia bohema nacio ĉe la ĉerko kaj tombo de sia plej granda filo kaj vane serĉas respondon je sia demando : Kian signifon havas la poeto Jaroslav Vrchlicky por la bohema literaturo kaj nacio?

De la komenco de sia verkado ĝis al sia antaŭtempa fino iris Vrchlichy siajn proprajn vojojn kaj sekvante siajn celojn, li kreis preskaŭ sian apartan literaturon en la literaturo bohema. Nur la postaj tempoj, rigardontaj la verkon kaj personecon de aliaj vidpunktoj kaj de aliaj distancoj, povos iam tion ĉi eble klarigi, por la plejmulto de liaj samnacianoj lia laboro estas ankoraŭ problemo kaj enigmo.

Nur en unu sola punkto konsentas jam nun ĉiuj liaj naciaj samtempuloj, nome, ke Vrchlicky enkondukis la modernan kaj eĉ antikvan kulturon en la boheman literaturon, kaj ke li per tio kunligis la-ĝis tiam preskaŭ izolitan boheman nacion kun la moderna kultura familio. Per siaj multnombraj tradukoj de plej gravaj verkoj de eŭropaj nacioj li malfermis al sia nacio novajn ideajn mondojn kaj per ĉi tiuj novaj ideoj li donis al la bohema spirito novan vivon kaj novajn flugilojn, per kiuj li povis tiel supren leviĝi, kiel neniam en antaŭaj, eĉ plej brilaj tempoj. La ricevo de novaj ideoj bezonis novajn esprimojn, novajn formojn kaj vortturnojn, netroveblajn en ĝistiama bohema vorttrezoro kaj al Vrchlicky apartenas la senduba gloro, ke li formis sian lingvon tiel elasta kaj tiel sonora, ke li povis efektive repoezii la plej noblajn kaj plej delikatajn poeziajn verkojn de ĉiuj landoj kaj ĉiuj tempoj.

En ĉi tiu senco dank'al genio de Vrchlicky la bohema nacio posedas nun tiel majstran tradukon de Dante (Dia Komedio), de Gœthe (Faust), de Ariost, Hugo, Mickiewicz kaj de aliaj eŭropaj, eĉ aziaj poetoj, ke efektive multaj literaturoj povus ĉi tion envii al bohema.

Ne simila unueco ekzistas koncerne lian originalan poezion, kvankam kun ĝi laŭ riĉeco de ideoj kaj motivoj, laŭ formo kaj eĉ laŭ nombro nenio en bohema literaturo estas komparebla. En la unua periodo de sia kreado li estis sola, eĉ kontraŭbatalata, ĉar liaj verkoj ŝajnis tro fruigitaj, tro antaŭtempaj, je la fino de lia vivo ree lia poezio estis ne bone komprenebla, ĉar ĝi ŝajnis esti nemoderna, ne sufiĉe laŭtempa, kaj precipe ne nacia.

Kaj efektive, Vrchlicky, kvankam li per ĉiuj fibroj de sia animo apartenis al sia nacio, tamen per sia verkado multe pli apartenis al la ankoraŭ ne ekzistanta eŭropa gento, nacio aŭ familio, al familio tute simila al nia esperantista, kiu, nekonante lingvajn, rasajn kaj religiajn limojn kaj diferencojn, en sia senfina amo ĉirkaŭvenas la tutan homaron, kaj malrapide sed certe efektivigas la revojn kaj utopiojn de antaŭaj tempoj kaj homoj.

Pro tio ne ĉiam komprenebla estas la poezio de Vrchlicky ĉar ĝi laŭ siaj sento kaj ideoj apartenas al ĉi tiu venonta tempo, por kiu ankaŭ ni esperantistoj batalas kaj en kiu la nomo de Jaroslav Vrchlicky, kvankam li neniam uzis nian lingvon, eĉ eble nenion pri ĝi sciis, havas la plej honoran lokon. Lia poezio estas la plej sincera kredo je la estonteco de l'homaro, je tutmonda paco kaj frateco, je la ĉarma venonta printempo, kiun ankaŭ ni Esperantistoj per ĉiuj niaj fortoj vokas kaj atendas.

Honoro estu al nia glora kunbatalanto, kvankam li al sama celo iris per alia vojo kaj per alia lingvo.

D-ro St. Schulhof (Del. Pardubice).

## NOTOJ

.*. *La aĉetado per la poŝto.* — La 24. majo de la pasinta jaro la registaro de la Portugala Respubliko publikigis leĝon reformantan la poŝtajn servojn, en kies enhavo troviĝis paragrafo per kiu estas permesite enkonduki novan fakon, nome la *aĉetado per la poŝto en la kontinento kaj kolonioj.*

Tiu-ĉi iniciato, kiu apartenas al Portugalujo, estas tiel profitplena kaj tiel utila por la publiko, ke eble baldaŭ aliaj landoj sekvos nin kaj eĉ kredeble pli-malpli frue, laŭ interkonsento de la diversaj landoj, kreiĝos *poŝta internacia fako de aĉetado.*

La nova fako utilas precipe al privataj personoj kaj komercistoj pomalgrande. Tiel do, se en iu portugala kolonio aŭ en iu kontinento loko estas persono bezonanta objekton, kiu troviĝas ekzemple nur en Lisbono, Porto aŭ en Koimbro kaj neniun konas en tiuj urboj, kion ĝi devas fari? Sin turni al la poŝta oficejo, eldiri sian deziron, pagi malgrandan procenton kaj post kelkaj tagoj ĝi ricevos hejme la deziratan objekton. Sed plie: la nomita paragrafo permesas ankaŭ ricevi per la poŝto la rentojn de urbaj aŭ kamparaj domoj, la alfiksigon de afiŝoj en la stacidomoj, la aĉetadon kaj vendadon de kreditvaloroj kaj multajn aliajn servojn, kiuj apenaŭ per la pago de tre malgranda sumo, evitos vojaĝojn, grandajn elspezojn kaj konstantajn priokupojn. Ankaŭ la komercistoj de malgrandaj lokoj, urbetoj aŭ vilaĝoj, povas konigi per la poŝto la artiklojn de sia komerco kaj tiel la konsumantaj centroj sciiĝos pri la prezoj de tiuj artikloj. Tiu-ĉi nova servo, kreata precipe por la bono de la publiko utilos ankaŭ al la registaro, kiu enspezos dank'al ĝi multajn centojn da spesmiloj.

B. Martins d'Almeida (Del. Lisbono).

.*. *Agado de la germana imperia poŝto dum 1911.* — Laŭ oficialaj statistikoj la nombro de la letersendaĵoj dum 1911 atingis preskaŭ la nombron de *6.100.000.000.* Krom tio la germana imperia poŝto ekspedis dum la sama jaro ĉirkaŭ 2.100.000.000 gazetojn kaj presaĵojn kaj 274 milionojn da pakoj.

Kaj monsendaĵojn, telegramojn oni forsendis 58 milion kaj peris 1.800.000.000 telefonajn interparoladojn. Kian prosperon la germana imperia poŝto atingis ĝis nun, montras plej bone la nombroj de la jaro 1896, do antaŭ 15 jaroj. Tiam oni ekspedis preskaŭ 2 1/2 miliardojn da leteroj kaj kartoj, 1 miliardon da gazetoj, 152 milionojn da pakaĵoj kaj monsendaĵoj, 35 milionojn da telegramoj. La nombro de la telefonaj interparoladoj atingis la nombron *560 milionoj.* De la pliiĝo estas 60 0/0.

H. Fricke (Del. Frankfurt a/M.).

.*. *La Internacieco de la scienco.* — La estraro de la Dietzfondaĵo apartenanta al la Berlina Akademio de l'Sciencoj decidis la premion donatan en ĉi-tiu jara el la fondaĵo nome 900 Sm. (1800 mark) aljuĝi al S-ro Profesoro Nyrop ĉe la Universitato Kopenhagen (la verkinto de la distingita libro « La vivo de l'vortoj ») pro lia : Grammaire historique de la langue française. Tio signifas germanan premion al dana scienculo pro franca lingvo-instruilo. La scienco estas internacia. — *Berliner Tageblatt.*

# LITERATURA PAĜO

# TRA LA ESPERANTA LITERATURO

Edmond Privat. — **Historio de la Lingvo Esperanto.** Unua parto 1887-1900. Universala Esperantia librejo, 10, rue de la Bourse, Genève. Prezo : Sm. 0.50.

S-ro E. Privat, kies antaŭajn verkojn kaj elokventajn paroladojn tiel favore akceptis la Esperantistaro, jus eldonis la unuan parton de « Historio de la Lingvo Esperanto (1887-1900) ». Mi ne dubas, ke samfavoran akcepton ricevos tiu grava nova verko. Jam aperis pri tiu demando la resumaj verkoj 1-e de S-ro A. Zakrzewski (Esperanto en unu dudekjaro 1887-1908) ; 2-e. de S-ro de Ladevèze *(vid. Esperanto*, n-o 111, p. 7) ; 3-e de D-ro A. Fiŝer (vid. *Esperanto*, n-o 115, p. 6). Tiuj verkoj estas bonegaj, sed S-ro E. Privat povis kolekti multe da detaloj en la diversaj urboj, kien nia juna apostolo havis okazon vojaĝi. Plie D-ro Zamenhof, S-ro Zakrzewski mem, profesoro Cart, S-roj Rollet-de-Lisle kaj Chavet, la Direkcio de l'Brita Muzeo, F-ino Lawrence kaj la familio de Ernest Naville faciligis lian laboron kaj komunikis aŭ donacis al li interesajn dokumentojn.

La « historio » konsistas el 12 ĉapitroj, kiujn mi kunmetos, por simpligi la analizon, nur en tri partojn.

I. En la du unuaj ĉapitroj, S-ro P. tute prave asertas, ke ĉiuj sistemoj de artefaritaj lingvoj kaj la multegaj diskutoj pri ili preskaŭ neniel influis la naskiĝon de Esperanto, kies devenon li serĉas ne en tiuj sistemoj kaj diskutadoj, sed nur en la indo-eŭropaj lingvoj, el kiuj D-ro Zamenhof kaj poste la Esperantistaj verkistoj elĉerpis la kvintesencon kaj plej vivajn elementojn de nia lingvo.

II. Kun la tria ĉapitro fakte komenciĝas la propra historio de Esperanto. Ĉar ĝi ekvivis en la cerbo kaj koro de D-ro Zamenhof, kiel infano ekvivas en la sino de sia patrino, S-ro P. nepre devis tutan citi la faman *Leteron pri la deveno de Esperanto*. Je la fino de tiu 3-a ĉap., li rakontas ne tre konatan anekdoton. La patro de nia Majstro, timigita pro la tro fiksa de sia filo ideo « kiu eniris lian korpon kaj sangon » lin « promesigis, ke li forlasos la aferon ĝis li finos sian universitatan studadon kaj ricevis de li ĉiujn liajn manuskriptojn. Tiujn paperojn la patro poste bruligis sekrete, nur pro amo al sia filo ; sed Lazaro-Ludoviko sciis ja parkere sian tutan laboron, kaj tiel nenio estis perdata ».

En la kvin sekvantaj ĉap., S-ro P. detale rakontas pri la apero de la Unua Libro (julio 1887), de la Dua (je fino de 1887 aŭ komenco de 1888) kaj de la aldono al la Dua (junio 1888), pri la rolo de la Amerika Filozofia Societo, de Einstein, Trompeter, S-ro Grabowski kaj aliaj, pri la Ligo, kiun jam provis fondi D-ro Zamenhof kaj kies ekfondon sekvis terura preskaŭ mortiga prilingva agitado. Kiam naskiĝantaj lingvo kaj internacia movado elsaviĝis el tiaj dramaj cirkonstancoj, ĉu oni ne rajtas certigi, ke la postaj perfidoj, subfosadoj aŭ malprudentaĵoj estas nur malagrablaj, sed tute ne danĝeraj ?

III. Iom poste iom la kvazaŭ mortinta Esperanta movado renaskiĝas. En Upsala aperas la gazeto « Lingvo Internacia (1895) » en Germanujo, Svedujo, Rusujo, Polujo, Francujo fondiĝas grupoj ; gravaj verkoj aperas (interalie Hamleto) Dum tiu periodo stariĝas Esperantistaj tradicioj kaj simboloj : la verda koloro, la kvinpinta stelo, kaj S-ro L. de Beaufront komencas en Francujo sian fervoran (siatempe tre utilan) propagandon.

Tre sprite kaj juste en la X-XI ĉap. S-ro P., plenumis la nefacilan taskon analizi la agadon de S-ro de Beaufront kaj egalpesi ĝiajn bonajn kaj negativajn ecojn. La sekvantajn humoretajn liniojn mi permesas al mi rekopii :

« Estis en lia stilo (en gazeto *l'Espérantiste*) ia nedifinebla kaj ne imitebla tono de aŭtoritato kaj fiera supereco. Unua apologiisto de Esperanto lin baldaŭ konsideris preskaŭ ĉiuj. Plej modesta estis genia Zamenhof, ĉiam dubante pri sia propra valoro, eĉ pri sia verko ; li nur humile konsilis, demandadis, opiniis. De Beaufront nur certigis, respondis, aprobis aŭ kondamnis. Kun li ĉio estis klara kaj simpla, bona aŭ malbona. Severa juĝisto, li instruadis la Esperantistojn kaj korektis samtempe erarojn de gramatiko kaj erarojn de propagando. Kritikantojn de la lingvo li fiere kaj logike rebatis kaj resendis al lernejo kiel nesciantajn infanojn. Reformemulojn li ridindigis kaj ekskomunikis kiel ofendita episkopo (p. 44) ».

Al S-ro de Beaufront multaj ŝuldas la nekorektan elparolon de *a, e, o*, kiel longaj kaj fermitaj vokaloj « ankoraŭ hodiaŭ lernantoj de Esperanto en Anglujo kaj ĉefe en Usono penadas, laciĝante siajn makzelojn, diradi « éèspéérââantô » anstataŭ tute nature elparoladi kun malfermitaj vokaloj : esperanto (p. 49) ». Mi volonte citis la suprajn liniojn, kiuj eble utilos al kelkaj esperantistoj, erarigitaj de ne korektitaj « laŭbeaufrontaj » lernolibroj. Mi memoras, ke S-ro de B. mem rakontis al mi, ke unu sinjorino, revenante el la Boulogna Kongreso, vizitis lin malsanan kaj, aŭdinte liajn salutajn vortojn ŝi ekkriis kun admiro : « Ĝis nun mi aŭdis nur Francan, Anglan, Germanan, Rusan, Polan, k. t. p., elparoladon ; nur nune, vin vizitante, mi fine aŭdas la veran ĝustan esperantan elparolon ! ! ».

La internan ideon, la esperantismon, la vivantecon de Esperanto kaj de la Esp. popolo ĉiam malkomprenis kaj konstraŭstaris S-ro L. Beaufront. Feliĉe la idealista Rusujo neŭtraligis lian en tio danĝeran influon. S-ro P. tre elokvente klarigas, kial ĉefe en vastega Rusujo, kie ĉiumomente homoj rekte suferas pro religiaj, lingvaj, moraj, gentaj konfliktoj, la interhoma fratiga spirito de nia movado tiel flamiĝis kaj fortiĝis. « Ĉiuj lingvoj vivas per la propra sento de siaj popoloj ». Tiun necesegan vivigan senton pleje la Rusoj enblovis al Esperanto.

* *

« Nenio estas pli instrua ol historio ». Efektive el la tragedia rakonto de la naskiĝo, komenca disvastiĝo, preskaŭ mortiĝo kaj definitiva renaskiĝo de Esperanto, la nunaj Esperantistoj povos pli klare antaŭvidi la estonte evitindajn danĝerojn, sekvindajn vojojn, imitindajn ekzemplojn.

Per la supra analizo mi nur celis instigi al la atenta tralegado de la Historio de S-ro Privat. Tute senutile estas laŭdi ties fluan stilon kaj altpensajn ideojn. Al S-ro P. ne sufiĉis zorge kolekti kaj metode ordigi dokumentojn. Li mense travivis la vivon de Esperanto, ties penojn suferis, sukcesojn priĝojis, tamen estrante sian temon kaj verkante science kaj objektive. Lia verko estas modela kaj inspiros al ĉiuj legintoj senpaciencon pri la dua malfrue aperonta parto.

* *

Je materia vidpunkto, la ĉagrenuloj eble diros, ke la verko, kvankam korekte presita, estas ne tre bonguste prezentita. Sed trafe portia libreto taŭgas la onidiro, ke « el plej vulgara botelo oni trinkas plej bonan vinon ».

VERTO.

# ESPERANTISMO

## EĤOJ DE LA OKA

**Subkongreso de Esperanta Psikistaro en Krakovo.** — Ĉe la malferma kunveno ĉeestis tridek personoj el 15 diversaj landoj. La sekretario post saluto al Polujo kaj Aŭstrio raportis pri la laboroj de *Esperanta Psikistaro* dum la pasinta jaro. Dank'al la mona helpo de la *Belga Federacio Spiritista* oni povis eldoni la *raporton pri la subkongreseto de Esperanta Psikistaro* en Antverpeno, kiu havis multe da sukceso. Dum la monato marto de la nuna jaro oni povis eldoni la esperantan tradukon de la libreto *Resumo de la Kurso pri Teologio* de Kavaliro Le Clément de Saint-Marcq. La ĉeestantaro elektis komitatanoj S-rojn Fraga (Santiago de Chile) ; Schubert (Washington) ; Joza Mares (Moravio) ;

La sekretario klarigas la necesecon krei gazeton kiu disvastigus la ideojn de *Esperanta Psikistaro* en la tuta mondo. La Societo tamen ne estas nun sufiĉe rica por eldoni tian Revuon. Oni tial decidis, ke oni sin turnu al la ĉefaj spiritistaj unuiĝoj en la mondo, petante, ke ili subskribu kelkajn abonojn. La « Revuo de Esperanta Psikistaro » ekaperos la 1-an de Januaro 1913.

Poste, la sekretario klarigas al la kongresanoj la komunikajojn ricevitajn de S-ro W. T. Stead, laŭ la bela raporto de S-ro Myatovic, kies Esperanta teksto estas de S-ro Chaigneau.

*Eksperimentoj.* — Kun la mediumo-glosolodisto (mediumeco kiu konsistas el la eblеco de la mediumo por paroli lingvojn, kiujn li ne konas). La mediumo S-ro T. veke entransiĝas, komencas elparoli sonojn, konsonantojn, eĉ tutajn frazojn. Tiuj paroloj, nekonataj de la ĉeestantoj ŝajnas aparteni al unu sola lingvo. Ofte la subjekto ŝanĝas la sonon de sia voĉo, la vortoj kaj frazoj ankaŭ ŝanĝas ; estas alia lingvo. S-ro Romano diras, ke li ekaŭdis kelkajn turkajn frazojn.

Ĵurnalistoj ĉeestis dum tiu kunveno. Ĉe la dua kunveno, S-ro Mareŝ parolis dum unu horo pri la mediumaj desegnaĵoj, vere interesaj ricevitaj en Moravio kaj Bohemujo. Tiu parolado estis atente sekvita kaj havis grandan sukceson. La eksperimentoj kun la mediumo glosolodisto, S-ro T. estis daŭrigataj, ĉeestis reprezentantoj de la hindaj kaj semidaj lingvoj.

Multnombra ĉeestantaro ĉe la tria kunveno. S-ro Mareŝ prezentas la bondezirojn de la Frata *Unuiĝo de Bohem-Slavaj Spiritistoj* kaj tiu lasta societo bonvolis komisii lin por prezenti al *Esperanta Psikistaro* ĝian moralan kaj monan helpon. *S-ro Mareŝ* kaj la delegitoj bohem-slavaj estis varme gratulataj. S-ro J. de Nogales el Ciudad Rodrigo salutis la subkongreseton en la nomo de la hispanaj spiritistoj. Sekvis tipologia eksperimento : Pola soldato el Lodz, nome *Nikolayeff*, kiu estis mortigata en 1812 dum la Franc-Rusa milito manifestiĝis ; li tamen ne volis doni pluajn delalojn.

Konklude, la subkongreseto de Esperanta Psikistaro en Krakovo estis granda sukceso kaj entuziasmigis multajn. — A. S.

## KRONIKO

**Novaj kursoj.** — En *Kolomea* (Galicio) la tria kurso supera komenciĝis gvidata de S ro Kuzma.

*Sabadell* (Hispan.) La « Aplech Esperanta Grupo » malfermis dum septembro tri kursojn kun 60 lernantoj.

*Sagrado* (Aŭstrio). Kurso kun 27 partoprenantoj gvidata de S-ino Angela Stacul.

*Trieste* (Aŭstrio). Oni malfermis perfektigan kurson kun speciala studado de sintakso ekskluzive en Esperanto ; partoprenas 24 personoj ; la instruanto estas S-ro A. Ghez.

*Foligno* (Ital.). Kurso kun 19 personoj.

**Kunvenoj kaj festoj.** — En *Jurjevskij Zavod* (Ekaterinoslav gub., Rus.). la 10 septembro okazis la unua oficiala kunveno de la Societo Esperantista. La prezidanto estas S-ro A. Krastin, Del. de U. E. A. Aliĝis 24 personoj.

*Plauen* (Saksujo). La 2-a kunveno de la Vogtlandaj Esperantistoj, la 8-an de septembro, estis plena sukceso. La urbestro, D-ro Zemmrich, direktoro de la reallernejo, esprimas la ĝojon pri la progresoj de Esperanto. Prof D-ro Rohrbach-Gotha faris la festparoladon, kiu estis varme aplaŭdata. La necesa loko por granda ekspozicio estis afable donita de la reallernejo.

*Sofia* (Bulg.). La 22 julio la Bulg. Esp. Societo havis jarkunvenon sub la prezido de S-ro Krestanof. Estis elektata nova komitato konsistanta el S-roj S. Petrov, G. Nikolov, G. Atanasov, A. Atanasov, I. Krestanov, I. Neuov, P. Kolev, R. Bojagiev kaj Taĝer.

*Rio-de-Janeiro* (Braz.). Dum la Unua Braz. Distr. kunveno la virinoj fondis Virinan Esperanto Klubon kiu ekfunkciis la 2 aŭg. Prezidanto : S-ino Irene dos Santos, konsulino, kaj F-ino Julia Fernandes, ambaŭ konsulinoj. — La direktoro de la Komerca Akademio, S-ro D-ro Hermann Fleiss. invitis S-ron A. Fanzeres malfermi kurson de Esperanto ; ĉirkaŭ 40 lernantoj jam komencis.

**Paroladoj.** — *Bulgarujo.* Por pravigi la konfidon de la ministerio de la popola instruado, kiu montris sin tre fervora al nia afero nia samideano S-ro Ivan H. Krestanof entreprenis dum julio antaŭkongresan propagandan vojaĝon en norda Bulgarujo. Li vizitis la urbojn Pleven, Ŝumen, Provadia, Burgas, kie li faris sukcesplenajn paroladojn pri la neceseco de lingvo internacia kaj ĝia solvo per Esperanto, pri U. E. A., pri la oka kongreso k. t. p. Rimarkinda estis la sukceso de la parolinto en la apudmara urbo Varna, kie post la parolado stariĝis nia malnova pioniro kaj multjara deputito S-ro K. Mirski, kiu faris kvazaŭ duan paroladon alvokante al fortigo de la loka grupo kaj al vigla laborado por esperanto. Revenante de la oka Esperanta kongreso, kie li estis delegito de la Bulg. Esp. Soc. kaj rajtigito de la ministerio de popola instruado, S-ro Krestanof haltis survoje en la urboj Vidin, Com, Oreĥovo kaj Pleven, kie li faris propagandajn paroladojn. S-ro Krestanof intencas daŭrigi la paroladvojaĝojn en suda Bulgarujo. — I. K.

*Sagrad* (Aŭstrio). La 7 sept., parolado de S-ro D-ro Ghez pri graveco de lingvo internacia.

*Trieste* (Aŭstrio-Hung.). La 13 sept. parolado de S-ro Ghez en itala lingvo pri la oka kongreso. Leŭtenanto Domeneck el Hispanujo en la sidejo de la Rondo Esperantista faris paroladon : Movado esperantista en Hispanujo, antaŭ 80 personoj. La 21 sept., humora parolado pri : Tipoj esperantistaj de D-ro Ghez.

# Esperanto kaj la Paca Kongreso

Okaze de la XIX[a] Internacia Paca Kongreso en Ĝenevo, kiun partoprenis sufiĉe multaj Esperantistoj, estis aranĝita, vendredon 27 septembro, sukcesa festeno, kiu havis lokon en la belaj salonoj de hotelo Bellevue. Krom la Esperantistaj gastoj ĉeestis inter la invititoj eminentaj reprezentantoj de la pacifista movado, inter kiuj S-roj Fried, Nobelpremiulo (Wien), Moscheles, vicprezidanto de la Kongreso (London), Monsinjoro Giesswein, deputato ĉe la Hungara Parlamento, S-ro Semenhoff, delegito de Rusujo ĉe la Paca Kongreso, P-roKrauter-Kraft (Torino), S-ino Severine (Parizo), ktp. — entute 60 partoprenantoj.

En la nomo de la C. O. de U. E. A. kaj de la Ĝenevaj Esperantianoj, S-ro Hodler deziris bonvenon al ĉiuj ĉeestantoj. Li parolis franclingve pri U. E. A. kaj la grava rolo de Esperanto por la plibonigo de la interpopolaj rilatoj ; li aldonis Esperante kelkajn vortojn pri la Krakova Kongreso kaj komparis ĝin kun aliaj tiel nomataj « internaciaj kongresoj ».

S-ro Giessvein Esperante dankis la organizintojn kaj elokvente parolis pri la parenceco inter Esperantismo kaj pacifismo.

S-ro K-lo Pollen en humora parolado admonis la pacifistojn lerni Esperanton kaj konsideri nian movadon.

S-ro Biske resumis la historion de la Esperanta movado.

S-ro Chavet parolis pri la signifo de Esperanto por pacifistoj kaj pri la

nove fondita societo « Paco per Esperanto », ĉe kies fonda kunveno partoprenis diversnaciaj Esperantistoj.

S-ro Fried, germanlingve, montris, kiel bezona estas Esperanto por la progreso de pacifismo kaj instigis ĉiujn pacifistojn aliĝi al nia movado.

Fine Sinjorino Severine, la famkonata franca oratorino, en ĉarma kaj elokventa parolado esprimis meze de la aplaŭdoj sian fervoron por Esperanto.

La kunveno havis entute bonan sukceson kaj lasis al ĉiuj daŭran impreson. Dum la tuta kongreso, oni multe parolis pri Esperanto

V. A.

## DIVERSAĴOJ

.˙. *Germana Esperanto-Asocio.* — Laŭ decido de la Germana Esp. Kongreso, la estraro de G. E. A., de nun konsistos el S-ro A. Reinking (Braunschweig), prezidanto ; P-ro Christaller (Stuttgart), vicprezidando ; v. Frenckell (Dresden), sekretario ; D-ro A. Arnhold (Dresden), kasisto.

.˙. *Gvidfolioj kaj gvidlibroj.* — Lastatempe aperis sub la aŭspicioj de U. E. A., la gvidfolioj de *Stuttgart* (kvarpaĝa kun plano), de *Vienne* (Francujo), kaj de *Kotka* (Finnlande), plie universitata gvidfolio de Poitiers. Dum la Oka aperis luksa ilustrita gvidlibro de *Franzensbad*, la fama banurbo en Bohemujo. Ricevebla de la Del. de U. E. A.

.˙. *La Saksa registaro kaj Esperanto.* — La registaro de Saksujo oficiale nun apogas Esperanton kaj donas ĉiujare *monon* por propagando kaj disvatigo de Esperanto per la Saksa Esperanta Instituto. La saksa reĝa ministraro do estas la unua, kiu ne nur rekomendas Esperanton, sed ankaŭ donas la necesan monon por Esperanto. La registaro jus eldonis lukse presitan broŝuron pri ĝia reĝa porcelanmanufakturo kun multaj bildoj. Tiun ĉi belan broŝuron ricevos ĉiu senpage, kiu sendas internacian respondkuponon al la Saksa Esperanta Instituto (adreso : Dresden, Standehaus, ĉambro 83).

Samideanoj, montru, ke vi ĝojas, ke reĝa ministraro eldonigis esperantan broŝuron kaj petu ĝin ĉiuj, kiuj legas tiun-ĉi informon.

## TRA LA GAZETARO

.˙. *Germana Esperantisto* anoncas, ke la antaŭa Esperanto-eldonejo Mœller & Borel el Berlino kaj Ader el Dresdeno kunigis siajn firmojn kun ĉiuj provizoj kaj rajtoj pri eldonoj en la komuna entrepreno Ader & Borel. La sidejo de la societo estas en Dresden. A. 1., Struvestr. 40. La sole rajtigita gvidanto de la societo estas S-ro F. Ader, dum S-ro Ellersiek restas redaktoro de G. E. Plie, sekve de interkonsento kun la firmo Nobis, Dresden, la gazeto « La Esperantisto » la I-an de oktobro transiros al la nova firmo Ader & Borel.

.˙. *Auerbacher Zeitung* (Germ.) en Nº 211 faris longan raporton pri la kunveno de la Vogtlandaj Esperantistoj en Plauen/V. kaj represis la paroladon « Esperanto und Wissenschaft » de Prof. D-ro Rohrbach el Gotha.

.˙. *Dnevnik* (Sofia, Bulg.), enhavis en du N-roj detalajn raportojn de S-ro Krestanof pri la oka kongreso.

.˙. *Journal de Valence* (Franc.) en Nº 216 publikigas artikolon pri la konkurso de S-ro Michelin.

.˙. *Mir* (Sofia) artikolon de S-ro Krestanof pri la Oka kun la portreto de la Majstro.

.˙. *Neue Freie Presse* (Wien) aperigis detalajn raportojn pri la oka kongreso verkitajn de nia fervora samideano S-ro Prof. J. Glück.

.˙. *The New-York Call* (Ameriko) en Nº 239 publikigas ampleksan artikolon : Esperanto, la sole vera lingvo int. de S-ro J. Ch. Lipes.

.˙. *Wolne Slowo* (Varsovio, Rus). La N-roj 172 kaj 173 estas dediĉataj al la kreinto de Esperanto. La gazeto enhavas 12 artikolojn pri Esp., la oka kongreso, la unua kongreso, ktp. ; krom tio unu poemon kaj tri ilustrajon. — A. K.

.˙. *Piccolo kaj Indipendante* (Trieste) pri baldaŭa malfermo de kurso por la anoj de la tiea laborĉambro gvidota de A. Deganello.

.˙. *Il Lavoratore* (Trieste) pri baldaŭa malfermo de kurso por la anoj de la rondo por sociaj studadoj. Instruontoj : G. D. Centis kaj J. Bertoja.

.˙. *Caracas* (Venezuelo). Pro la apero de la ĉiumonata gazeto venezuela « Verda Stelo » la ĵurnaloj multe parolas pri Esperanto.

.˙. *Fieramosca* (Firenze, Ital.), en Nº de 17/18 sept. enhavas raporteton pri vizito de du hungaraj esperantistoj : S-roj S. Andor kaj R. Zsigmondo.

.˙. *Le Journal* (Paris) publikigis la 24. sep. favoran artikolon pri Esp. kaj la Oka.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Aliĝoj por 1913.

Pri la rezultato de la voĉdonado rilata al la financa reformo de U. E. A. niaj Delegitoj estos informataj per nova Oficiala Bulteno en komenco de novembro. Tuj poste ili povos komenci la kolektadon de la membraj kotizajoj por 1913. Ni de nun akceptas aliĝojn aŭ re-aliĝojn de Esperantiaj Entreprenoj por 1913. Ni rememorigas, ke ĉiu Esperantia Entrepreno ne havanta karakteron de Esperanta organizajo, pagas kotizajon da **5 Sm.** Ĝi rajtas uzi ĉiujn servojn de U. E. A., kaj presigi en la Oficiala Jarlibro (listo de Esperantiaj Entreprenoj) anoncon de maksimume 20 vortoj (krom la adreso). Ni tre petas, ke ĉiu Del. bonvolu klopodi por la varbado de Esperantiaj Entreprenoj en sia regiono. Sendante al ni la aliĝon, ili komuniku ankaŭ al ni la tekston de la anonco presota en la Jarlibro.

Aliparte, sekve de interkonsento kun la administrejo de la gazeto ESPERANTO, la kotizajo de la Esperantiaj Entreprenoj havantaj karakteron de Esperanta organizajo estos por 1913 fiksita je **3 Sm.**, *kun abono al la gazeto ESPERANTO*, oficiala organo de U. E. A. Estas konsiderataj kiel *Esperantiaj Entreprenoj kun karaktero de Esperanta organizajo ĉiuj Esperantistaj propagandaj aŭ fakaj societoj.* La Esperantistaj eldonejoj aŭ firmoj estas konsiderataj kiel Entreprenoj kun komerca karaktero kaj sekve pagos la plenan kotizajon da 5 Sm.

Interŝanĝe de sia kotizajo da **3 Sm.**, ĉiu Entrepreno kun karaktero de Esperanta organizajo ricevos la Oficialan Jarlibron de U. E. A., kaj la gazeton ESPERANTO dum unu jaro ; plie ĝi rajtos enpresigi en la Jarlibro sian estraron, kunvenejojn, adreson, daton de fondiĝo, nombron de membroj.

La kotizajoj de tiuj entreprenoj estas de nun sendeblaj. Samtempe kun la aliĝo, oni komuniku al ni la tekston de la informoj presotaj en la Jarlibro kaj la adreson, iau kiu ni devas sendi la gazeton.

### Studenta Fako.

La Komitato de U. E. A. akceptis la jenan regularon de la Studenta Fako (Universala Studenta Asocio).

§ 1. — Estas kreita interne de U. E. A., sub la nomo « *Universala Studenta Asocio* » (Fako de U. E. A.) speciala sekcio, kiu celas :

*a*) Plifaciligi kaj plimultigi la rilatojn inter la ĉiulandaj Esperantianaj studentoj. — *b*) Studi ĉiujn demandojn, kiuj rilatas al la starigo de praktikaj servoj por ĉiulandaj studentoj. — *c*) Propagandi U. E. A. kaj Esperantismon ĉe la studentoj kaj studentaj organizajoj.

§ 2. — Estas membro de tiu fako ĉiu persono paginta la kotiza-

ĵon de U. E. A. por la kuranta jaro kaj specialan kotizaĵon da 50 sd. jare.

§ 3. — La fako estas direktata de Fakestro, elektata de la Komitato de U. E. A. konforme al § 45 de la Statuto. Li zorgas pri gvidado de la fako kaj redaktado de la Studenta Bulteno.

§ 4. — La Fakestro estas helpata de komisiono konsistanta el 5 ĝis 9 membroj elektataj de la membroj por 3 jaroj kaj prezidata de la Fakestro.

§ 5. — La Komisiono studas ĉiujn demandojn rilatajn al la agado de la fako, novaj servoj por studentoj propagando, ktp. Ĝiaj decidoj devas esti sankciataj de la Komitato de U. E. A.

§ 6. — La fako havas kiel oficialan organon specialan studentan Bultenon, kiu enhavas la liston de la membroj kaj pritraktas ĉiujn demandojn, kiuj koncernas la agadon de la fako.

§ 7. — La fako estas kontrolata de la Centra Oficejo de U. E. A. kiu ankoŭ prizorgas la ĝeneralan administradon kaj financan laboron. La memstara faka kaso, el kies kotizaĵoj kaj donacoj oni elpagas ĉiujn elspezojn por la fako estas prizorgata de la Centra Kaso de U. E. A.

Tiu ĉi regularo estos submetata al la ĝenerala voĉdonado, konforme al § 52 de la Statuto, se en tempolimo de 60 tagoj, pli ol kvinono de la Delegitoj voĉdonrajtantaj ĝin skribe postulas. Se ne, ĝi estos konsiderata kiel definitive akceptita.

**Etato de la Esperantianoj.**

Je la 20. septembrp estas enkasigitaj de la Centra Kaso de U. E. A. 8758 kotizaĵoj por 1912 (Je la 1. Septembro 8637) + 194 subtenantoj.

*Fakaj Membroj.*

Interŝanĝa Fako : 465 ; Laborista Fako : 88 ; Virina Fako : 132.

**Financoj.**

*Konteltiro de U. E. A. de Majo 1912*

| Debito | Sm. | Kredito | Sm. |
|---|---|---|---|
| Loĝejo | 19.60 | Kotizaĵoj | 226.12 |
| Oficejo kaj Materialo | 19.48 | Subtenantoj | 8.00 |
| Salajroj | 186.00 | Aprobantoj | 0.50 |
| Korespondado | 64 00 | Esperantiaj Entreprenoj | 9.39 |
| Propagando | 5.40 | Reklamaj servoj | 2.88 |
| Presaĵoj | 8.86 | | |
| Jarlibraj elspezoj | 29.54 | | 246.89 |
| Diversaĵoj | 2.80 | *Saldo* | 88 49 |
| | 335.38 | | 335.38 |

*Fakaj Kotizaĵoj.*

| Debito | | Kredito | Sm. |
|---|---|---|---|
| Virina Fako | 35.92 | Interŝanĝa Fako | 19.50 |
| | | Laborista — | 1.50 |
| | | Virina — | 2.50 |
| | | | 23.50 |
| | | Saldo | 12.42 |
| | 35.92 | | 35.92 |

*Konteltiro de U. E. A. de Junio 1912.*

| Debito | Sm. | Kredito | Sm. |
|---|---|---|---|
| Loĝejo | 19.60 | Kotizaĵoj | 101.11 |
| Oficejo | 13.82 | Subtenantoj | 5.50 |
| Salajroj | 161.00 | Esp. Entreprenoj | 8.00 |
| Materialo | 10.50 | | |
| Presaĵoj | 14.18 | | 114.61 |
| Jarlibraj Elspezoj | 66.06 | *Saldo* | 174.87 |
| Diversaĵoj | 4.32 | | |
| | 289.48 | | 289.48 |

*Fakaj Kotizaĵoj.*

| Debito | Sm. | | Sm. |
|---|---|---|---|
| Interŝanĝa Fako | 35.28 | Interŝanga Fako | 9.00 |
| | | Laborista Fako | 2.00 |
| | | Virina Fako | 3.50 |
| | | | 14 50 |
| | 35.28 | *Saldo* | 20.78 |
| | | | 35.28 |

*Konteltiro de U. E. A. de Julio 1912*

| Debito | Sm. | Kredito | Sm. |
|---|---|---|---|
| Loĝejo | 19.60 | Kotizaĵoj | 137.55 |
| Oficejo | 16.48 | Aprobantoj | 1.00 |
| Salajroj | 146.00 | Subtenantoj | 8.00 |
| Materialo | 48.32 | Esperantiaj Entreprenoj | 33.00 |
| Korespondado | 60.00 | | |
| Presaĵoj | 14.00 | | 179.55 |
| Jarlibraj elspezoj | 29.28 | *Saldo* | 160.13 |
| Diversaĵoj | 6.00 | | |
| | | | 339.68 |
| | 339.68 | | |

*Fakaj Kotizaĵoj.*

| Debito | Sm. | | Sm. |
|---|---|---|---|
| Saldo | 10.50 | Interŝanĝa Fako | 9.00 |
| | | Virina Fako | 1.50 |
| | 10.50 | | 10.50 |

**Novaj Del. kaj Subdel.**

Bologoje (Rusujo, Nov. gub.). — D. : Serĝo, Gajdovskij.

Eckernfœrde (Germanujo, Schlesw.-Holst.). — D. : Heinrich Brunstamp, bankoficisto, 12, Fischerstr.

Hagen (Germanujo, Vestfalio). — D. : E. Giebel, presejestro, 3, Eickerstr.

Libau (Rusujo, Kurlando). — D. : Salomon Joffre, kontoristo, 49, Kornstr.

Loeben (Aŭstrio, Stirio). — D. : Hans de Lüerwaldt, studento, ĉe S-ino Burggasser, Kaiser Franz Josef Str.

Lomnice s./Popelka (Aŭstrio, Bohemujo). — D. : Alois Mann, imp. reĝa imposta kontrolisto.

Orange (Francujo, Vaucluse). — D. : Marius Maurin, tajloro, 9, place du Cloître.

Siegburg (Germanujo, Rejnlando). — D. H. Faber, pentristo, 8, Zeughausstr.

Uh. Hradiste (Aŭstrio, Moravio). — D. : Vitoro Beniĉek, librotenisto.

**Sanĝoj.**

Bodenbach (Aŭstrio, Bohemujo). — D. : Josef Hauf, Teplstr.

Coimbra (Portugalujo). — D. : Eugenio Elyseu, 89, str. Alegria.

Firminy (Francujo, Haute-Loire). — D. : Marius Caleyron, skribmaŝinisto, 28, rue Sadi-Carnot.

Graz (Aŭstrio, Stirio). — D. : Rudolf Pettera, 25/I, Castellfeldg.

Kladno (Aŭstrio, Bohemujo). — VD. : Fr. Strbrsky, 445, ul. Hajenska.

Kovno (Rusujo). — D. : Aleksio Olĥoviĉ, ŝtata oficisto, Kazennaja Palata.

Posen (Germanujo). — D. : Brzezinski, 8/III str. W. W. Svietzch. VD. : Marceli Marynski, bankisto, 31/1, Kaiser Wilhelmstr.

Rostov-na-Don (Rusujo). — D. : Feodor Miĥajloviĉ Porosjukov, fervojoficisto, 49, Bratskij.

Rouen (Francujo, Seine-Inférieure). — D. : F-ino E. Fournier, 10, impasse Saint-Maur.

**Korekto.**

Nadeĵdinskij Zavod (Rusujo, Perm. gub.). En No 127 post la nomoj Vasilij Filippoviĉ la familia nomo Beloglazov estas erare forlasita.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.**

Beaune (Francujo). — Et. Forgeot kaj Beault, vinvendejo.

Habana (Kubo). — Kuba Societo por la propagando de Esperanto. Adreso : 1324, Apartado.

Habana (Kubo). — Gutierrez y Diehl, eksportejo de tabako, 53, Estrella.

Montevideo (Urugvajo). — Munos & K-io, librejo, strato 25 de Maja 471.

# Statistiko de la Esperantiaj Servoj

Ĉiujare la Centra Oficejo de U. E. A., faras statistikon de la diversaj servoj plenumitaj dum la antaŭa jaro. Tiu statistiko estas farata per la helpo de la diversaj informoj liveritaj de niaj Delegitoj.

Oni trovos ĉi sube la rezultatojn de la statistiko por 1911, kaj, kiel komparo, la statistikon de la Esperantiaj servoj dum 1909 kaj 1910.

| | 1909 | 1910 | 1911 |
|---|---|---|---|
| Komerco.................. | 1.120 | 1.513 | 2.698 |
| Junuloj.................. | 218 | 408 | 588 |
| Turismo.................. | 650 | 631 | 1.252 |
| Servoj al vojaĝantoj....... | 628 | 1.110 | 1.704 |
| Diversaj servoj........... | 940 | 3.756 | 4.293 |
| Sumo.................. | 3.558 | 7.462 | 10.475 |
| Movado de la korespondajoj de la Delegitoj.......... | 5.754 | 14.651 | 19.075 |
| Movado de la korespondajoj ĉe la C. O. de U. E. A... | » | 23.940 | 34.355 |
| Sumo.................. | 5.754 | 38.591 | 53.430 |
| Gazetartikoloj pri U. E. A. | 326 | 606 | 863 |
| Paroladoj pri U. E. A...... | 218 | 464 | 547 |
| Esperanto-Kursoj.......... | » | 739 | 1.036 |
| Partoprenantoj ĉe la Esp. Kursoj.................. | » | 11.941 | 17.530 |

Laŭ tiu tabelo oni konstatos la notindan kreskon de la Esperantiaj servoj. Tiu kresko speciale atingas la komercajn (730/0) kaj turismajn (76 0/0) fakojn. Oni rimarkos proporcian pligrandiĝon de la movado de l'korespondajoj. Samtempe kun la statistiko de la servoj, U. E. A., uzas la okazon por enketi pri la nombro de la Esperanto kursoj kaj iliaj partoprenantoj (meza nombro). La supra tabelo montras senteblan kreskon de la nombro de l'kursoj (1.036 en 1911, 739 en 1910) kaj de la kursanoj (17.530 en 1911, 11.941 en 1910).

Tiuj ciferoj, pli bone ol longaj teoriaj klarigoj, palpeble pruvas, ke pli kaj pli niaj membroj kutimas uzi la servojn de nia Asocio kaj ŝatas ilin. Niaj Delegitoj kaj ĉiuj niaj amikoj diskonigu tiujn ciferojn kaj ilin uzu por sia propagando.

# Esperantia Parolejo

### Oni laŭdas!

⁂ Dank'al la bonegaj servoj de la tre afablaj membroj de U. E. A., S-roj Pickles kaj Crowther kiel membroj de tiu Asocio, sukcese alkondukis 24 Huddersfield'anojn neesperantistajn ĉirkaŭ Nederlandon de la 1a de Septembro ĝis la 7a. Ĉio estis antaŭe aranĝita : hoteloj, manĝajoj, ekskursetoj, k. t. p., de la Esperantianoj. Ni vizitis Roterdamon, Hagon, Scheveningen, Leyden, Haarlemon, Amsterdamon kaj Alkmaar. En ĉiu urbo ni estis sub la zorgado kaj gvidado de la Nederlandanoj, vere niaj gefratoj ; pro tio ni la anglaj vizitantoj povis kontentiĝi kaj agi tre libere, kvazaŭ en nia patrolando. Kune kun niaj Nederlandaj amikoj ni neniam preterlasis okazojn, en kiuj ni povis propagandi la utilecon de Esperanto kaj U. E. A. Kelkaj el la anglaj vojaĝantoj jam promesis al mi, ke ili eklernos la lingvon kiel eble plej baldaŭ ; tio estas manifestado, ke nia vizito al Nederlando certe portos frukton por nia esperanta movado en la estonteco proksima. Antaŭ ol ni lasis Nederlandon ni ĉiuj opiniis ke U. E. A. meritis monhelpon, do al tiu asocio per la afabla vicdelegito S-ro Bierens, ni pagis 18 guldenojn (15 Sm.) kiel donacon de la 24 nemembroj, kiuj ricevis grandan profiton de U. E. A. Kaj nun en la nomo de la 26 vojaĝantoj mi volas esprimi miajn korajn dankojn al ĉiuj, kiuj partoprenis por sukcesigi nian viziton Nederlandan !

F. Crowther.

# Esperantia Vivo

**Edziĝo.** — En *Verona* (Italujo) S-ro Ameriko Reni Del. de U. E. A. kun samideanino F-ino Fleride Lodetti. — En *Chateau-Tierry* (Franc.). S-ro Louis Borson, Del. de U. E. A., kun S-ino Juliette de Versey.

**Morto.** Oni anoncas al ni el Rio-de-Janeiro (Braz.) : « Mortis nia modesta, bonkora kaj vigla kunlaboranto S-ro Prof. Augusto Ribeiro (blinda prof. de franca lingvo). Krom bona esperantisto li estis poeto kaj verkis inter aliaj poeziajoj « Senviva floro ».

# Alvokoj

### Esperanto-Kongreso en Graz 1913

En la belega alpolanda ĝardenurbo Graz okazos dum pentekosto 1913 la III-a Tutaŭstria Esperantokongreso, per kiu ankaŭ la Sudaŭstriaj landoj, en kiuj Esperanto ĝis nun estas malmulte disvastigita, devas vekiĝi por nia movado. Jam dum la venonta vintro kaj dum la Esperantokongreso mem oni aranĝos publikan Esperanto-ekspozicion. Ni do korege petas ĉiujn eldonintojn de gvidlibroj, reklamiloj kaj prospektoj en Esperanto kaj de gazetoj sendi al ni almenaŭ unu ekz. por nia ekspozicio, ĉar la suda Aŭstrio estas ankoraŭ vasta laborkampo por nia movado. Plue ni montros la gvidlibrojn kaj diversajn reklamilojn al nia « Ligo por akcelo de fremdula movado en Stirio », kiu mem intencas baldaŭ eldoni ilustritan gvidlibron Esperantan tra Graz. Ĉion oni bonvolu sendi al la sekretariejo de la « Stiria Esperantista Societo » en Graz, Raimundgasse 4. (Ĉiu sendinto ricevos ilustritajn poŝtkartojn de Graz kun Esperanta priskribo.)

*La Delegito de U. E. A. kand. fil. R. Pettera.*

### Petu la gvidlibron de Weinbœhla

Mi jam ricevis kelkajn demandojn pri Weinbœhla sekve de tio, ni presigos nian gvidlibron parte en Esperanto. Do mi petas la gesamideanojn : skribu al la Gemeindeamt (estraro) en la magistrata domo kaj petu la alsendon de gvidlibro. La estro de nia loko jam fariĝis simpatia al nia afero iomete, por ke li nun fariĝu fervora ano de Esperanto, petu grandare la gvidlibron kaj aliajn informojn pri Weinbœhla. Oni volonte ĉion sendos senpage. La gvidlibro mem estos tre bele ilustrita.

A. Sohrman, Subdel. por Weinbœhla.

### Al gejunuloj

*Ĉiostudenta Asocio* ne volante konkuri kun nove jus fondita studenta fako de U. E. A. (« Universala Studenta Asocio »), decidis ŝanĝi sin en societo de progresema junularo sub la nomo « *Corda Fratres* ». Al ĉiuj ĝisnunaj membroj estos baldaŭ sciigitaj detaloj. La centro de tiu ĉi asocio estos en Paris, ĝenerala sekretariejo en Praha. La societo ne eldonados sian propran of. organon, sed akceptos unu el jam ekzistantaj esperantaj gazetoj kiel oficialan organon. Pri elekto decidos la membraro. Celo de la societo estas : Unuigi progreseman junularon diversprofesian en unu centra familio ; propagandi inter junuloj ideojn de Pacifismo, Antialkoholismo, Feminismo ; batali kontraŭ la prostituado kaj pornografio ; helpi gejunulojn morale eĉ materie en ĉiuj agadoj progresemaj, farataj leĝlime. Jarkotizajo estas 1 Sm. *Corda Fratres* alvokas ĉiujn gejunulojn, societojn kaj grupojn kuniĝi en tiu ĉi asocio. Informojn sendas S-ro Joja Mareŝ, en *Luhaĉovice* (Moravio-Aŭstrio) ; aldonu respondkuponon !

## UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svis.)*

# FABIOLA

Rakonto pri la Katakomboj, de Kardinalo WISEMAN,

Trad. E. RAMO

Dika volumo in-8, 427 paĝoj. Prezo : Sm. **1,40** (fr. **3.50**)

(afranke) Sm. **1,76** (fr. **4,40**).

## EN SVISLANDO

El verkoj de svisaj aŭtoroj

Luksa volumo ilustrita, 104 paĝoj

Prezo : Sm. **1,4** (afranke)

## Eĉ en doloro ni estu ĝojaj

de Adèle Kamm

Luksa broŝuro, 40 paĝoj. Prezo : Sm. **0,48** (afranke)

## Kredo kaj Scio

Parolado de D-ro P. Gruner

profesoro de teoria fiziko ĉe la Berna Universitato

Broŝuro, 24 paĝoj. Prezo : Sm., **0,30** (afranke)

## Dankon

de Th. Combe

Broŝuro, 16 paĝoj. Prezo : **0, 16** (afranke)

## Perfekta Kuiristino

Unuakta komedio de B. Hentsch

Broŝuro, 24 paĝoj. Prezo : Sm. **0,20** (afranke)

### NOVAJ LIBROJ :

**Kulturceladoj de la nuntempo.** — De S-ro D-ro Aug., Forel, trad., D-ro Fr., Ullmann. Tiu ĉi nova verko de la fame konata sciencisto traktas la plej gravajn nuntempajn sociajn problemojn en konciza, interesplena kaj populara maniero. — Prezo : Sm. 0,50 (afranke).

**Paŭlo Debenham.** — Romano originale verkita en Esperanto de H. A. Luyken. Tiu originala verko, rimarkinda tiel pri la stilo kiel pri la enhavo, estis rigardata de la Esperanta gazetaro, kiel unu el niaj plej bonaj originalaj literaturaĵoj. Prezo : Sm., 1,12 (afranke).

**Albrecht Dürer.** — Lia vivo kaj elekto el liaj verkoj. Kun klarigoj de la apartaj folioj. Luksa volumo da 93 paĝoj kun 57 belegaj reproduktaĵoj de la majstro. Verkoj de l'fama pentristo (trad. de la Germana Esperanto-Asocio. — Prezo : Sm. 2. — Lukse bindita : Sm. 2.50.

**La Ponto.** — La organizado de la Intelekta Laboro per « La Ponto ». De K.-W. Bührer kaj Ed. Saager. Trad. de J. Schmid. L, K. 157 paĝoj. — Prezo (kartonite) : Sm. 2.

**Esperantista Kantaro.** — Kolekto de 17 originalaj aŭ tradukitaj kantoj. Vortoj kun muziko por 4 voĉoj. Konataj kaj ŝatataj melodioj. Necesega al ĉiuj grupoj. — Prezo : Sm. 0.40.

**Tra Belglando, Nederlando kaj Anglolando, per Esperanto,** de R. di Rienzi. Interesa kaj bonhumora raporto pri vojaĝo farita ekskluzive per Esperanto kaj dank'al Esperanto. Rekomendinda legolibro kaj propagandilo por la Esperantaj kursoj. Broŝuro 32-paĝa, Mono. — Prezo : Sm. 0.20.

**Historieto de Esperanto.** — Premiita ĉe la literatura konkurso de la Sepa Kongreso. Verkis D-ro A. Fiŝer. Prezo : Sm. 0,24 (afranke).

**Demandaro pri la Historio, Literaturo kaj Organizaĵoj de Esperanto** por Esperantaj Ekzamenoj. Grava verketo por ĉiu lernema Esperantisto. Verkis R. de Ladevèze. — Prezo : Sm. 0.50.

**Kion la Vivo alportis.** — Dek originalaj poemoj de D-ro Schulhof, Antaŭparolo de M. Hankel. — Prezo : Sm. 8.20.

### OFICIALAJ ELDONAĴOJ DE U. E. A.

*Propagandiloj*

**Esperantismo.** — La internaciaj rilatoj. Esperantismo kaj Esperanto. La servoj de U. E. A. Elementoj de Esperanto.

Propaganda broŝuro de H. Hodler. Havebla en la lingvoj *angla, franca, germana* aŭ *rusa*.

Prezo (afranke) : Sm. 0.10. Por mendoj de pli ol 10 ekz. rabato da 33 %.

**La Internaciaj rilatoj.** — Propaganda okpaĝa folio pri la servoj de U.E.A. Havebla en la lingvoj *angla, franca* aŭ *germana*.

Prezo (afranke) : *10 ekz.*, Sm. 0.10. *100 ekz.* Sm. 0.80.

Ambaŭ supraj verkoj estas rekomendataj al ĉiuj propagandistoj.

*Oficiala insigno*

Verda stelo kun blank-ora rando, literoj U. E. A.

Pinglo aŭ broĉo . . Sm. 0.36 Butono . . . . . Sm. 0.48

Oni aldonu Sm. 0.10 por rekomendo.

*Por ĉiuj supraj verkoj, aldonu 10 % por la afranko*

*Oficiala skribmaterialo*

*Leterpapero*, 100 ekz. $ 0.75 *Poŝtkartoj arte ilustritaj*

*Kovertoj*, 100 ekz. $ 0.60 10 ekz. $ 0.40

*Poŝtkartoj*, 100 ekz. $ 0.75 (Kun la bildo de D-ro Zamenhof), 100 ekz. $ 0.60

**Universala Esperantia Librejo**

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svis.)*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b. fl. = *bildflanko*.

Agatenburg, Stade-Hanover (Germanujo). — S-ro Tamke, instruisto, PI.

Barcelona (Hispanujo). — S-ro Ferdinando Montserrat, Sto Provenca, 156, PI.

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — F-ino Louise Haignéré, instruistino, 149, rue du Moulin à Vapeur, PI.

Budapest I. (Hungarujo). — S-ro A. Domanoksvi, Atilla str., 13 PM.

Contich (Belgujo). — S-ro L. Possemiers, Transvaaltr., 8 (kun ĉiuj landoj).

Duttweiller bei Neustadt/Hardt (Germanujo, Pfalz). — S-ro Ludwig Syring, PK. PI. L. (kun en- kaj eksterlandanoj).

Goettweig-Furth N. Oe. (Austrujo). — S-ro Ludwig Koller, pastro.

Hornerurg-Hannover (Germanujo). F-ino Grete Gieseler, PI.

Kisujszallas (Hungarujo). — S-ro Papp Balint, gimnaziiano, PI. L.

Luck (Rusujo, Wolynska). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec (interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, PI., PM.)

Montevideo (Urugvajo). — S-ro Raŭl V. Idoyaga, Casilla de Correo 303, PI., K. (kun ĉiulandaj samideanoj, escepte francaj, anglaj, germanaj, aŭstriaj kaj rusaj. Respondo laŭ deziro per 2 aŭ 3 kartoj).

Omsk (Rusujo, Siberio). — S-ro A. A. Kovalevsko, Subkuracistlernejo, 4 klaso.

Philadelphia (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2.167 E. Cumberland str. (kun teozofiistoj ; pri praktika organizado de Esp. Teoz. Movado : nur L.).

Plaue bei Floha, Sa. (Germanujo, Saksujo). — S-ro Bruno Agsten PM. (kun ĉiuj landoj kiu sendas 300-500 PM. de sia lando ricevos saman nombron da germanaj kaj bavaraj).

Praha-Zizkov (Bohemujo, Austrujo). S-ro Josef Müller, Slikova ul. c. 11. PI. (kun ĉiuj landoj).

Saint-Maurice/Monbahus (Francujo, Lot-et-Garonne). — F-ino Labroue, instruistino, L.; Ferdinand Costes kaj Fernand Papou, PI. (kun ĉiuj landoj).

Saint-Peterburgo (Rusujo). — F-ino Elisabeto Nedoŝivina, Mitnioskaja ul. 18 loĝ. 9, PI. (kun vidaĵoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ALTESTIMATAJ FAVORANTOJ DE MUZIKO. — Mi plezure akceptus okupon en iu urbo en Rusujo, kie samtempe povus prosperi muziklernejo. Kie orkestro ankoraŭ ne ekzistas, mi volonte ĝin fondus. Karaj samideanoj, koran dankon por sciigoj, al kiu mi povus min turni en ĉi tiu afero. Frant. Vokas, kuracloka kapelestro en Roznov, Moravio, Aŭstruio.

AMIENS'A JUNULARO ESPERANTISTA : organizos ekspozicion por helpi sian propagandon kaj petas ĉiulandajn samideanojn havi la bonecon sendi Esperantaĵojn ĉe sia prezidanto : S-ro Edmond Payers, 10, rue Chanzy, Amiens, Somme (Francujo).

AVIZO : La samideanoj, kiuj soldatiĝos ĉe Toul estas petataj skribi al S-ro Gervois, sekretario de la grupo « Tula Stelo » 20, rue du Menin, Toul, por ke ili aliĝu al la grupo. La kursoj komenciĝos en oktobro.

BARCELONA (Hispanujo). — Esperanta Racionala Grupo deziras korespondi letere kun similaj grupoj pri Racionala instruado kaj socia movado. Adreso : Wad-Ras, 216, P. N. Barcelona (Hispanujo).

EDZIĜO. — Ŝtata instruisto, 30 jaroj, en Gironda lernejo deziras interrilati por edziĝo kun ŝtata instruistino (Gironde aŭ najbaraj departementoj) esperantista, aŭ ŝtata oficistino esperantista. Skribi : tal. maud. 437.225, bureau 84, Paris.

ESPERSTENO : Alfaro de la Pitman'a Sistemo de Stenografio al la postuloj de Esperanto. Prezo : Sm. 0.50 (aŭ 5 responkuponoj) afrankite. Havebla ĉe la Aŭtoro, J. Catton, Oswald Road, Saint-Albans, Anglujo.

25-JARA FRAŬLO, ruso, deziras edziĝi je alilanda Esperantistino. Rusujo, Slob. Nikolaevskaja, Astraĥansk, gub., Carevsk, u. E. M. Tiĥonov.

GERMAN-AŬSTRIA ESPERANTISTO. — Pri la 8-a internacia kongreso Esperantista 1912 informas bonege la oficiala organo de la Ligo de Germanlingvaj Aŭstriaj : German-Aŭstria Esperantisto. Ĉiumonate Esperante kaj Germane. — Jara abono Sm. 1,25 — k. 3. Administracio : Wien VI, Dürergasse, 19.

INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO (I. P. R.), oficiala organo de Internacia Asocio de Instruistoj (I. A. I.). Membra kotizaĵo por unu jaro kun la monata revuo : 1 Sm. (fr. 2.50). Administracio : Boomsch steenweg, 444, Antverpeno, Belgujo.

RIPREZENTADO. — S-ro V. Jakovlev, Del. U. E. A., deziras riprezenti en Ĥarkovo (Sud-ruslando) komercajn firmojn. Oni sendu proponojn : Pasaĝ, 39 ĉe Mazmanov, por Delegito.

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn kaj pri Esperanto propagandajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso : Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

LA PACPARLAMENTO KAJ ĜIA ORGANIZO. — Informoj ktp. : Inf. Kapt. B. J. Klingenberg, Kristiania (Norvegujo) Sm. 0.15 (du respondkuponoj) afrankite. Aldono : intermita sciigo N-o 2 : ankaŭ du respondkuponoj. Librovendistoj ensendu mendojn.

PARENCOJ. — Aĉetu por viaj geinfanoj kolekton de la interesega « Journal des Voyages » jaroj 1907-08 09-10-11. Bonega stato ; malalta prezo. — Adresi petojn al S-ro Parmelaire, 20, rue des Abbesses Paris, XVIII (Francujo).

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuderi, S. Sebastian (Hisp.).

SAMIDEANOJ HELPU : La granda fabrikejo : Smyser-Royer Company, kiu fabrikas artaĵojn el metalo interesiĝas pri Esperanto, Oni petu katalogojn aŭ prospektojn per poŝtkarto skribita en Esperanto. Adreso : 18-th et Filbert Sts., York, Pa (Usono).

TEKNIKISTOJ, INĜENIEROJ ATENTU : Blagoveŝĉensk — Amur (Rusujo), Irkutskaja 80, dez. korespondi kun teknikistoj kaj inĝenieroj, k. t. p. sciantaj pri la farado de elŝirigado de arboradikoj kaj arbofaligado per iloj kaj sen tiuj. Oni skribu ruse aŭ Esperante.

*La Administranto (Gérant)* : MICHAUD

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).


